


# ESPERANTISTO SLOVAKA

4

ELDONAS KULTURDOMO DE RSM MAŜINFABRIKOJ DE TURIEC POR SLOVAKA ESPERANTO-INSTITUTO
ADRESO: ESPERANTO, POŜTFAKO 80 MARTIN, ĈSSR- SLOVAKA SOCIALISMA RESPUBLIKO

## N I R E M E M O R U   K A J   R E M E M O R I G U

Ne nur nun, okaze de solenaĵoj kun kortuŝaj paroladoj, renkontiĝoj de kunbatalintoj, metado de florkronoj ĉe la memorŝtonoj al la pereintaj ĉu rekte en la liberigaj bataloj aŭ en forbruligitaj domoj kaj vilaĝoj, ĉu ekzekutitaj fare de la naziistaj mortigantoj. Ni rememoru kaj rememorigu ĉiam kaj ĉie, daŭre la okazintaĵojn dum somero 1944 kaj ilian ligitecon kun nia hodiaŭo sub la saĝa gvido de nia Kompartio.

Ni, kiuj atingis jam pli-malpli progresintan aĝon, bone memoras kaj ne forgesas. Sed la pli junajn, kiuj naskiĝis nur tiam aŭ pli poste, ni devas rememorigi pri la teruraj suferoj kaj oferoj de niaj bravaj partizanoj, soldatoj, de la progresema tavolo de la nacio, havantaj pli multe da sinofera entuziasmo ol da spertaj batalantoj kaj pezaj armiloj. Ili tamen kuraĝis kontraŭstari la potencan kaj batalpruvitan faŝistgermanan militmaŝinaron, kiu senindulge mortigis ĉiujn rezistantojn eĉ supozitajn kiel ekz. etinfanoj, patrinoj kun suĉinfanoj en la sinoj, gemaljunulojn,k.s.; kiu ĉirkaŭbaris kaj ekstermadis homamasojn malantaŭ la elektraj dratoj de sennombraj koncentrejoj,aŭ malliberejoj kondukantaj al amastomboj, da kiuj abundas eĉ Slovakio.

Jes, nia slovaka popoleto - kun helpo de diversnaciaj partizanoj /sovetaj, ĉeĥaj, francaj, hungaraj, polaj kaj multaj alinacianaj/ kaj sub gvido de nia Kompartio ne atendis, ĝis ĝin liberigos la heroa Soveta Armeo, flanke kun la Ĉeĥoslovaka Arme-Korpuso kaj bulgaraj kaj rumanaj regimentoj, sed mem volis kontribui al la fina venko super la diabla diktatoreco kaj mondakiremo de Hitler kaj liaj niahejmaj kunlaborantoj ariĝintaj ĉirkaŭ la klerofaŝista Hlinka-reĝimo.

Ni bone memoras, ke ĉion, kion ni posedas, ni ne ricevis donace. Ke post senmezuraj detruado kaj oferoj sekvis -danove sub gvido de Komunista Partio - malfacilega kaj longdaŭra rekonstruado kaj poste konstruado kaj evoluigado de nia patrujo al grado tiam nevidata-nesupozata, kiu ankoraŭ ne finiĝis,montrante grandiozan perspektivon.

Tion bone memoras ankaŭ ni esperantistoj, kiel pruvas la deklaracio el nia 2-a Kongreso en Bratislavo fine de julio ĉi-jara, el kiu ni citas la jenon:

"La partoprenantoj esprimis sian decidon daŭrigi la plenumon de la bazaj taskoj de Asocio de Esperantistoj en Slovakio, koncentriĝantaj nuntempe en la finigo de kompleta solidigo de la politika kaj ekonomia vivo de nia socio, precipe per

1. Sistema helpo ĉe objektiva informado pri la vivo kaj laboro de nia popolo, inter eksterlandaj esperantistoj kaj korespondamikoj.

2. Pere de sia Centra Komitato evoluigi ĉiujn taŭgajn formojn por eduki siajn anojn en la spirito de socialismo kaj proleta internaciismo.

3. Sian konkretan agadon ili direktos al la firmigo de la frateco inter la nacioj en la kadro de la Socialisma Tendaro, kaj al profundigo de amikeco kaj paca kunlaboro kun la progresemaj tavoloj de la landoj en la tuta mondo."

/Al nia junularo ni citas la belajn vortojn de Bulgara Esperantisto:"Neniam malamikoj de la paca kunekzistado ĉesis pensi pri novaj konfliktoj inter ŝtatoj kaj popoloj...Vi,esperantista junularo, kun viaj kantoj, versoj, studoj, dancoj, kun ĉiu alia manifestiĝo estis kaj estos pasiaj kaj sinceraj defendantoj de la paco kaj amikeco inter la popoloj!"/

Parolas "Verda Stacio" Bratislavo

Ekde la 14-a de septembro 1970 komenciĝos Esperanto-kurso sur ultramallongaj ondoj /68-72 Megahertzoj/.

Lunde: 10,45-11,00 - nova teksto;
vendrede 10,45-11,00, 17,15-17.30
kaj sabate 8,30-8,45 - ripetadoj.

Ekde la 31-a de aug. estas elsendataj informoj pri Esperanto, en la indik. tempoj.

Hovorí "Zelená stanica" Bratislava

Od 14. septembra 1970 bude kurz esperanta na ultrakrátkych vlnách /68-72 megahertzov/.

Pondelok 10,45-11,00 - nový text;
v piatok 10,45-11,00, 17.15-17,30
a v sobotu 8,30-8,45 - opakovanie.

Od 31. augusta sa vysielajú informácie o esperante v uvedených časoch.

Danku al ROZHLAS, Zochova 3, Bratislava.-Učebné texty dodá E-klub, Košice, Rooseweltova.

---

## II-a Kongreso de Asocio de Esperantistoj en Slovaka Socialisma Respubliko

okazis la 29.-31. de julio en la Granda Halo de Studenta Hejmo. Ĉeestis 100 ges-anoj.

Merkrede la 29-an malfermis ĝin s-ano D-ro M. Magyar. Post la kanto La Espero estis elektita kongresa estraro /prez. Tvarožek, anoj: Hysko, Izák, Kovalčík, Kucin, Inĝ Slávik, E. Váňa, Inĝ. Zvara/. Post sia alveturo estis alvokita J. Vítek prez. de ĈEA.

Post la aprobo de la programo kaj elekto de komisionoj prez. Rosa prezentis la agadraporton pri la pasinta agadsezono ne evitante la mankojn kaj malhelpojn /la Asocio malhavas sekretarion kaj -ejon, ne ricevas subvencion/. Li klarigis ankaŭ la kialon de neefektiviĝo de la Antaŭkongreso. Koncerne la nombron da pagintaj membroj, ni atingis jam 400 /vere malmulte kompare al la ĈEA kun 1800 membroj/. La enspezoj faras Kčs 12 750 kaj la elspezoj Kčs 6 122 /la kongresejo kostas pohore Kčs 178!/. Koncerne la eldon-agadon li menciis la II-an eldonon de la lernolibro Šatura-Rosa, kaj la 2-an n-ron de Slovak News /esperantligva mutacio/ kiun li disponigis en sufiĉa kvanto, same kiel la revuojn Nedeľa kaj Javisko kun E-rubrikoj/. Li altiris la atenton al la dumkongresa ekspozicio kaj tralegis la artikolon de G.G. Pompilio, iama Konstanta Kongresa Sekretario, en la koncerna n-ro de Heroldo, kaj iniciatis diskuton.

Inter la salutoj ni menciu tiujn de sekretario de ĈEA s. Polnický, de E. Váňa en la nomo de Kleriga Instituto en Banská Bystrica, de D-ro Izák en la nomo de Esperantisto Slovaka kaj Nacia Artisto samideano Martin Benka en Martin, kaj de iuj kluboj.

El inter la ĉeestintaj eksterlandanoj oficiale salutis la bulgara delegacio: s-anoj Ĥristo Gorov kaj Ivan Ivanov Canev el Sofio. Krome mallonge salutis pola s-anino, instiganta al interkontaktoj, Elza Takács, poŝtestrino el Csorna /Hung./, s-ano Leon Salomonsson el Malmö /Sved./, Liliane Laprise, francino el Kanado /ekaŭdinta hazarde nian Esperanton/ kaj eĉ Portugala esperantisto. Saluttelegramoj venis de Direktoro Paška kaj de Kleriga Instituto en Bratislavo.

Post la elekto de la nova estraro /vidu en O.I., pĝ. 63/, sekvinta la aprobon de revizia komisiono, oni ekdiskutis pri la preparoj kaj aranĝo de la okazanta kongreso kaj pri la artikolo de GG. Pompilio, tiusence, ĉu ni laboras kaj propagandas bone?

Posttagmeze sekvis denove diskutoj, proponoj, seriozaj paroladoj, do - kiel konstatis ankaŭ s-ano Salomonsson, oni pridiskutis ne nur sialandajn, sed eĉ tutmovadajn problemojn./Ankaŭ ni volas helpi al la progreso de E-to en la mondo./

Ĵaŭde okazis la kunveno de Ĉeĥoslovaka Esperanto-Federacio /tegmenta organizaĵo de la ĉeĥa kaj slovaka naciaj asocioj/. Ĝia prezidanto Jozefo Vítek parolis pri la fondo, regularo kaj taskoj de la Federacio, pri la membriĝo al UEA kaj kiel reprezentanton de la Federacio ĉe la 55-a UKE en Vieno li proponis s-anon Drahoš Kočvara, kiu estis ĉiesvoĉe aprobita. Krome li skizis ankaŭ la laboron kaj malhelpojn en Prago. Kvankam oni jam sukcesis dungi duân sekretariinon, tamen oni malhavas sekretariejon. Li skizis ankaŭ la laborplanon kaj eldonagadon de ĈEA.

Posttagmeze okazis laborkunsido de la nova Centra Komitato sub prezido de reelektita P. Rosa, kun tre riĉa programo: laborplano por la nova agadsezono, laboro de la Sekcioj /kiuj ne okaziĝis jarkunvenojn!/ kaj de la komisionoj /ili ne funkcias/ sekretariejo, E-kurso en la radio kaj televido, pritakso de la okazanta kaj okazonta kongresoj/en majo 1971 en Košice/ laboro inter la junularo, kunlaboro kun Esperantisto Slovaka, regularo por la fakaj sekcioj, eldonagado, labor-kaj propagandmetodoj kaj fine organizaj aferoj./Pro lokmanko ni revenos al ĉio en la 5-a n-ro/.

Je la 16-a horo okazis kulturprogramo, kiun pliriĉigis operkantisto Miroslav Smyčka el Ŝtata Teatro en Ústí nad Labem. Poste okazis komuna vespermanĝo.

Vendrede okazis komuna trarigardo de la urbo kaj alveturis D-ro Hideo Shinoda.

.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-

1. Adresa Zväzu: Zväz esperantistov SSR, pošta I, pošt.prieč.B/10,Bratisl.

2. Nové úradné orgány Zväzu esperantistov SSR

Ú s t r e d n ý v ý b o r :

Predseda - Pavel Rosa.

Tajomník:- Ján Jánošov.

Členovia: Eugen Grich, MUDr. Ľudovít Izák, Koloman Kiss, Michal Kucin,Dr.Vl. Lehotský, Milan Neubeler, Miroslav Rybín, Ing. Ivan Slávik, Eduard V. Tvarožek, Arnošt Váňa, Ing Štefan Veselý, Miroslav Závodský, Ing. Milan Zvara.

Náhradníci: Stanislav Bartovic, Ing Mária Froncová, Jozef Kovalčík, Ing Nemitus Lipták, Jozef Ruttkay.

Kontrolná a revízna komisia:

Predseda - Dr. Mikuláš Magyar

Členovia: Štefan Korčmároš, Dezider Koronczy, Alžbeta Mahrová, Ján Tibenský.

Náhradníci: Anna Dobrotová, Jozef Ruttkay.

3. Z o ž i v o t a k l u b o v:

K o š i c e . Adresa: Esperanto-klubo, Rooseweltova 5, Košice.- Schôdzky: každú stredu o 17 hod., Rooseweltova 5.- Každú prvú stredu v mesiaci je členská schôdza, ostatné stredy: verejné výborové schôdze.

T r e n č í n . Cez prázdniny schôdzkový ruch ochabol a činnosť sa orientovala navonok.- Dve členky sa zúčastnili na stretnutí mládeže v Bialystoku /Poľsko/, traja členovia boli na II. kongrese ZESSR v Bratislave, dvaja na Letnej Škole esperanta v Lančove v kurze B. Pre kurz A v Lančove klub získal štyroch účastníkov.

M a r t i n. La kluba vivo ĉi-jare ekstagnis pro la troa okupiteco de ĝia gvidanto s-ano Aŭgusteno Čambal. Ankaŭ la junularo perdis intereson, ĉar enuigis ĝin la senĉesa pertraktado de organizaj aferoj. Tial oni decidis altiri ĝin kaj la ceterajn malaktiviĝintajn membrojn al la kluba vivo per regula aranĝado de renkontiĝoj, el kiuj jam efektiviĝis la unua, fine de majo, pri kiu nia bulteno raportis en sia 3-a numero ĉi-jara.- Fine de julio okazis en Martin la daŭrigo de internacia simpozio de geinstruistoj, komenciĝinta en Bratislavo. El inter ili serĉis kaj trovis la kontakton franca geedza paro, kiu atente tralegis la alpendaĵojn en niaj montraj kestetoj. Kelkaj el ni pasigis tri agrablajn vesperojn kun ili. Ni estis invititaj al la adiaŭa vespereto, dum kiu oni prezentis internacian kulturan programon, al kiu eĉ niaj du junulinoj povis kontribui per du Esperantaj kantoj.La instruista geedza paro vizitis ankaŭ nian kluban kunvenon, kiun niaflanke - malgraŭ la ferioj - partoprenis 12 geanoj, precipe junularaj, kaj du edzoj-neesperantistoj.- La tria renkontiĝo estas planata por la 10-a de oktobro, sabate je la 9-a h. matene kun serioza kaj amuza programoj /por la lasta la junularo preparas skeĉon kaj kantojn/ S-aninoj Lilge kaj Lipták sukcese finis la C-kurson en Dudince, s-no Uhrín D-k-on en Lančov.

4. L e t n á Š k o l a e s p e r a n t a bola d Dudinciach v dňoch 5-19. júla t.r. Mala 73 účastníkov. Vyučovali A. Váňa, Tibor Gaál a Ing. Milan Zvara. Všetci účastníci sa podrobili skúškam. R. 1971 bude Škola znova. V dňoch 12-13. septembra bude stretnutie absolventov!

5. Kurz esperanta v rozhlase. Apelujeme najmä na našich členov-pedagógov, aby na svojich školách zakladali záujmové krúžky esperanta, a pri pionierskych oddieloch kurzy, pri ktorých nech využívajú najmä piatkové vysielanie od 17.15 do 17.30 resp. sobotné 8.30-8.45. Učebné texty objednajte na adrese Esperanto-Klubo,Rooseweltova 5, Košice.

-----------------

Všetko pre Oficiala Informilo posielajte na adr.:Ed.V.Tvarožek,OSVTEI,Horné Srnie, okres Trenčín.

dediĉita al la 200-jara jubileo de L.v.Beethoven, brile sukcesis. Kvankam la antaŭpropagando kaj la servoj estis bonaj; kompare al la I-a, kiun partoprenis 300 geesperantistoj, la ĉeesto estis surprizige malgranda /120/. Tamen oni povis renkonti gesamideanojn preskaŭ el tuta ČSSR.

Malfermis ĝin Inĝ Vl. Kočvara per bonvenig a alparolo kaj pritakso de la signifo de ĉi tiu nova esperantista kulturarango, kiu plifirmigis la tradicion tiel, ke la urbestraro invitis la arangantan E-klubon Ostroj al nova kunlaboro en 1974, okaze de la 750 datreveno de la fondo de la urbo. /Vere imitinda ekzemplo! - rim. de E.S./

Sekvis salutoj de la ĉeestantaj eksterlandaj delegacioj. Bulgaro Inĝ. Simeon interalie konstatis, ke en la mondo ne ekzistas problemo, kiun oni ne povus solvi en interkonsento. Rud. Burmeister el GDR akcentis la humanismajn kaj revolucie elvokivantajn ideojn de la vivo kaj verko de L.v.Beethoven. Hungaro Bán Lajos konfesis, ke pri Opavo li pensis, ke ĝi estas vilaĝo, sed li estis tre agrable surprizita, kiam li trovis belan, puran, 50-milan urbon kun parkoj kaj agrabla medio. Ĉiuj salutintoj kaj ankaŭ la polo s. Koszeniak substrekis nian komunan strebadon al la plej efika kunlaboro inter la esperantistoj en la socialismaj landoj, al interkompreniĝo kun la progresemaj homoj kaj al la tutmonda paco.

Univ. Prof. de Filozofio D-ro Miroslav Malura en la nomo de Ĉeĥoslovaka Bethovena Societo esprimis sian kontenton, ke ankaŭ esperantistoj rememoras ĉi tiun gravan jubileon. Krome sekvis salutoj de la urbaj oficialaj instancoj, inter ili ankaŭ tiu de Opava Komitato de Matice Slezská, kulturinstitucio silezia.

Prof. D-ro Malura skizis - en vere interesa kaj instrua scienca prelego - la vivon kaj verkadon de L.v.B. en la teritorio de Ĉeĥoslovakio.

Posttagmeze sekvis ekskursoj, dum la Centra Komitato de ĈEA kunsidis.

Vespere 18-membra junulara Klubo prezentis tri scenojn laŭ la romano "Avinjo" de la fama ĉeĥa verkistino kaj martirino Božena Němcová. Ili komencis lerni Esperanton nur en januaro, tamen ili pruvis, ke ili jam bone scipovas la lingvon. Al la vespero apartan ĉarmon donis la ĉeesto de iliaj gepatroj kaj aliaj familianoj; do ni povas nur gratuli al E-klubo Ostroj, ke ĝi havas esperdonan junulan grupon.

La sekvan tagon okazis renkontiĝo kun la estraro de ĈEA /Ĉeĥa Esperanto-Asocio/. Inĝ. Vl. Novobilský parolis pri la vivo kaj epokfara verko de alia geniulo kaj revoluciulo J.A. Komenio, "instruisto de la nacioj".

Post li prezidanto Vítek prezentis agadraporton pri ĈEA. Interalie li menciis, ke Brno estis ĉesigita tial, ĉar laŭ la atentigo de la oficialaj instancoj, laŭ la statuto de ĈEA, ĝiaj sekcioj ne rajtas aranĝi internaciajn kongresojn aŭ kongresojn kun internacia partopreno - ili povas inviti nur gastojn el eksterlando. La planata kunveno de esperantistoj-Komeniologoj ne okazis pro kelkaj kialoj: la propagando estis nesufiĉa kaj malfrua, krome oni postulis tro altan kotizon, do aliĝis nur 7.

Prez. Vítek dankis al D-ro Novobilský pro la profunda studo pri Komenio en Revuo Esperanto, al D-ro Horský, en la 3-a n-ro de Staro, oficiala organo de ĈEA, kaj al Inĝ. Felix, kiu en la ĉeĥa gazetaro ventolis la rilaton de esperantistoj al J.A.K., kaj tiun de la mondfama pedagogo al la problemo de internacia lingvo. Nia tasko estas konvinkigadi la publikon, ke Esperanto estas rimedo, simpliganta la vivon kaj proksimiganta reciproke la naciojn.

Krome li dankis al red. Kníchal, sub kies gvidado Starto pliboniĝis kaj enhave kaj laŭaspekte. /Ĝi estas eldonata en 2mil ekz., kiuj kostas 3mil Kčs/. PACO estas eldonata kun ŝtata subvencio kaj la aŭtuna n-ro estas jam kompostata. Pri la ĉeĥoslovakaj numeroj zorgas redaktoro Knobloch - la prezidanto esprimis sian dankon ankaŭ al li.- Parolante pri la eldonagado li menciis, ke aperis propagandfolio nacilingva en 25mil ekz., presita relative malmultekoste /Kčs 1 700/ en Mělník. La aŭtoroj estas Inĝ. Werner kaj Zd. Hršel. ĈEA eldonos la lernolibron de William Auld: Paŝoj al Plena Posedo /ĝi kostos proksimume Kčs 30.-/. La ĈEA havos monopolon por por la ceteraj asocioj esperantistaj en la socialismaj ŝtatoj.

Posttagmeze kunsidis la Sekcioj: teknika, instruista kaj ekumenista. Ili ĉiuj kritike pritraktis siajn agadojn kaj kunlaboron kun la sekcioj slovakiaj. Lamas precipe la kunlaboro kun la Instruista Sekcio de Asocio de Espistoj en SSR.

La tagon finis solena kaj altnivela koncerto el la verkoj de L.v.B en prezentado de operkantisto M.Smyčka, de kantistinoj T.Starostová-Kopjevová, P.Janoušová k.c.- A.Lapešová kaj J.Polčík, membroj de Silezia Teatro deklamis specimenojn el la versigita dramo Manon Lescaut, de Vít Nezval.

**Salutparolado de D-ro h.c. Franz Jonas, Ŝtatprezidanto de Aŭstrio kaj Alta Protektanto de 55-a UKE en Vieno, la 1-an de aŭgusto 1970 /Laŭ Gazet.Servo/**

"... La 55-a UKE unuiĝas en Vieno dumil adeptojn de la Internacia Lingvo Esperanto. Tio estas bonvena okazo por la Federacia Prezidanto de la Respubliko Aŭstrio, saluti la kongresanojn nome de la aŭstria popolo, kaj ankaŭ kiel samideano.

Vi estas gastoj en lando, kiu ĉiam estis favora al Esperanto kaj instigis la movadon en kelkaj direktoj. En la jaro 1904 jam okazis en Graz la unua aŭstria E-kongreso, do unu jaron antaŭ la I-a UKE en Bulonjo-sur-Maro, poste du Kongresoj de UEA kaj tri de SAT.

Ekde la komenco la movado en Aŭstrio sukcese evoluiĝis, sed bedaŭrinde interrompita de la du mondmilitoj kaj malpermesata dum la aŭtokrataj reĝimoj. Tiel la E-movado travivis la saman sorton kiel multaj aliaj kulturmovadoj. Hodiaŭ denove ekzistas vigla E-movado kun diversaj branĉoj... Ekzistas ankaŭ pluraj E-gazetoj regule aperadantaj. Povas esti, ke eksterlandaj s-anoj gratulas la aŭstriajn espistojn pro la bona stato de la movado. Sed, mi diros al vi, ke la aŭstriaj esp-istoj mem ne estas kontentaj. Ili sentas la samajn malfacilaĵojn kiel la s-anoj en aliaj landoj. Kvankam la internacia vivo fariĝas ĉiam pli intensa, la oficiala mondo daŭrigas la malnovajn kaj maltaŭgajn metodojn de lingva interkompreniĝo. Estas vero, ke la moderna tekniko helpas faciligi la taskon de profesiaj tradukistoj dum kongresoj, sed ne pli. Iliaj teknikaj aparatoj estas maltaŭgaj ludiloj komparo kun la mondvasta farenda tasko, nome superi la lingvajn barojn inter la popoloj, inter milionoj da homoj. Tial la nuntempaj esp-istoj devas pensi kiel realistoj, ili devas varbi pli kaj per novaj rimedoj. Ili turnu sin ĉefe al la junularo, al ĉiuj interesuloj, ankaŭ al ĉiuj, kiuj estas respondecaj por la bonstato de la popoloj kaj ŝtatoj. Sed ĉar mi en tiu rilato mem faris multe da sperto, mi avertas vin: ne atendu tro multe kaj ne postulu tro multe de la oficialaj funkciuloj, sed fidu la proprajn fortojn! Se la E-movado estas forta, la oficialaj institucioj de si mem agnoskos ĝian gravecon!

La problemo de internacia helplingvo jam delonge ne plu estas nura teorio. Esp-o solvis tiun ĉi problemon, ĝi realigis la teorion kaj transigis ĝin al praktiko. Dum jardekoj en multaj landoj ne nur estas tradukitaj juvelaj verkoj el naciaj literaturoj, sed aperas ankaŭ multege da verkoj skribitaj originale en Esperanto. En multaj landoj aperas Esperanto-gazetoj, kiuj ne nur perfektigas la adeptojn en lingva rilato, sed ankaŭ disvastigas valoran scion trans la etnikajn limojn, de kontinento al kontinento, tra la tuta mondo.

Esperanto ĝis nun sukcese trapasis ĉiujn ekzamenojn, al kiuj ĝi estis submetata flanke de la scienco kaj tekniko, de politiko kaj komerco, de pedagogio kaj literaturo. Kian pruvon do pri la taŭgeco de Esperanto la dubantoj krome bezonas? Nur la propran sperton, propran sperton anstataŭ malsaĝa antaŭjuĝo.

La esperantistoj dum la pasintaj jardekoj konsekvence varbis por la ideo de interkompreniĝo per internacia helplingvo. Ili estis la profetoj de la movado. La nuna generacio de esperantistoj jam estas la pioniroj de Esperanto en praktika vivo. Sed ili neniam forgesu, ke Esp-o ne estas nur rimedo por la ĉiutaga praktika vivo, sed ke ĝi estas eterne ligata al grandaj kaj altaj celoj-idealoj: al solidareco de la popoloj, al progreso de la homaro, al la paco de la mondo!

Tiamaniere portante plu la spiriton de humanismo, kiu ardigis ĝis nun tiom da esperantistoj, ni inaŭguru la 55-an UKE..."

--0--

**Festparolado de Prof. D-ro Ivo Lapenna, prezidanto de UEA dum la 55-a UKE**

"...Du faktoj trudas sin al niaj mensoj. Ni vivas en epoko de grandaj transformiĝoj, laŭ la amplekso kaj intenseco neniam antaŭe spertitaj de la homaro. La homo - tiu fragila infano de la animala mondo, tiu iama timoplena viktimo de potencaj naturaj fortoj, dependanta de la kapricoj de la elementoj - sukcesis, dank' al siaj laborkapablaj manoj kaj scivolema cerbo, ne nur savi kaj konservi sin, sed ankaŭ fariĝi mastro de la terglobo. Vere spektaklajn rezultojn li atingis en la daŭro de la du lastaj generacioj. En la 6-a jarcento antaŭ nia erao la antikvaj grekoj ekmarŝis la vojon de scienca aventuro, kiu en niaj tagoj kondukis nin al la luno kaj en la senfinajn spacojn de la universo. Dum du jarmiloj kaj duono la homaro daŭre akiradis pacience kaj persiste, ereton post ereto, novajn sciojn pri sia ĉirkaŭaĵo - bedaŭr-

inde pli pri ĝi ol pri si mem - por atingi gigantan kulminon de tiu evoluprocezo en la 20-a jarcento, kiam la kvante akumulitaj sciaj rezultigis vere revolucian salton en novan kvaliton. En nuraj 7 jardekoj de tiu ĉi jarcento ni transiris de la aŭtomobila periodo tra la aviadilka al la nuna tempo de spacveturado kun ĉiuj aliaj inkluzivaj atingoj kaj sekvoj de tiuj koncizaj karakterizoj.

La nuklea energio kaj tuta aro da aliaj malkovroj en ĉiuj branĉoj de scienco kaj teknologio, daŭre kaj fulmrapide farantaj pluajn progresojn - tiuj benoj aŭ malbenoj por la nunaj kaj estontaj generacioj depende de iliaj utiligo por la bono, aŭ de ilia misuzo por la malbono - kaŭzis tiajn radikalajn ŝanĝojn de la materia vivo, ke fakte ni jam eniris en esence novan eraon, malsaman ne laŭgrade, sed laŭspece de kio ajn alia en la tuta historio, kvankam ankoraŭ tre malmultaj efektive sentas kaj kapablas koncepti tion.

Pro la enormaj materiaj fortoj, pri kiuj ĝi disponas kaj kiuj samtempe prezentas kaj brilajn perspektivojn por prosperado de ĉiuj en paco kaj amika kunlaboro, kaj seriozan minacon de kompleta sindetruo, la homaro por la unua fojo objektive kaj reale fariĝas unusola monda komunaĵo de popoloj kaj individuoj. Tio estas la 1-a konstato

II.

En la lastaj 50 jaroj okazis ankaŭ provoj ŝanĝi la politikan kaj juran strukturon de la mondo. Meze de tiu ĉi eventoplena duonjarcento troviĝas la fondo de la nova monda organizaĵo de ŝtatoj. Precize antaŭ 25 jaroj, la 26-an de junio 1945, dum la ferma kunsido de la Konferenco en San Francisko, estis solene subskribita la Ĉarto de la Unuiĝintaj Nacioj. Kelkajn monatojn poste, en oktobro 1945, ~~dum la ferma~~ ĝi ekvalidis, kaj la 10-an de jan. 1946 en la Centra Halo de la fama Westminster-Palaco en Londono, komenciĝis la I-a Sesio de la Ĝenerala Asembleo en la ĉeesto de la reprezentantoj de la 51 ŝtatoj-membroj. UN eklaboris akompanata de sinceraj bondeziroj kaj grandaj esperoj de la tuta homaro ankoraŭ sanganta el miloj da apartaj, ne cikatriĝintaj vundegoj.

Nu, la Organizaĵo, kies membraro pli ol duobliĝis, funkcias jam 25 jarojn. En la vivo de la homaro tio verŝajne estas malpli ol unu sekundo de la meza vivo de unuopa homo. Sed same kiel tiu unu sekundo aŭ eĉ ĝia frakcio povas esti fatala por la ekzisto de individuo, tiel same 25 jaroj, aŭ eĉ multe malpli, povas esti decidaj por la homaro.

Kio, do okazis en tiuj ĉi 25 jaroj?

La celoj de kiu ajn milito ne povas reflektiĝi, almenaŭ ĝis certa grado, en organizo de la paco. El vidpunkto de la venkintaj Aliancanoj la Dua Granda Mondmilito havis defendan, liberigan karakteron. Milionaj amasoj sindone, kuraĝe, vere heroece luktis sur ĉiuj batalkampoj, kaj aliaj milionoj sin oferadis malantaŭ la frontlinioj certe ne malpli kuraĝe kaj heroece, dum ĉiuj spertadis senfinajn korpajn suferojn kaj psikajn dolorojn, ne por subigi aŭ sklavigi, sed por protekti sin mem kontraŭ la subigo kaj por liberigi ĉiujn.

En la Solena Enkonduko de la Ĉarto emfaze eĥas la inspiraj idealoj proklamitaj dum la milito: savi la estontajn generaciojn de tiu plago, kiu jam du fojojn en la daŭro de unu homa vivo trudis al la homaro ne eldireblajn suferojn; rekonfirmi la fidon je la fundamentaj homaj rajtoj, je la digno kaj je suverena egaleco de ĉiuj nacioj, grandaj, kaj malgrandaj; respektigi la devojn rezultantajn el traktatoj kaj aliaj fontoj de internacia juro; antaŭenigi la socian progreson kaj atingi pli altan vivnivelon en pli granda libereco.

...Necesas diri jam nun, ke UN ja havis plurajn sukcesojn en diversaj sferoj, sed bedaŭrinde tutcerte ne plenumis sian ĉefan kaj plej gravan taskon, nome la konservon de internaciaj paco kaj sekureco, la establon de tia mondo, en kiu ĉiu nacio eĉ la plej malgranda, povus vivi, progresi kaj evoluigi sian identecon en paco kaj trankvilo; en kiu ĉiu individuo rajtus plene ĝui la fruktojn de daŭra paco; en kiu la gigantaj rezultoj de la scienco kaj tekniko estus plene utiligataj ne por produktado de ĉiam pli teruraj instrumentoj de detruado kaj eĉ de plena neniigo, sed por la bonfarto kaj feliĉo de ĉiuj. Dum 25 jaroj de funkciado de UN ne ekzistis unusola tago de paco en la tuta mondo. Eĉ en la nuna momento dudeko da pli aŭ malpli grandaj militoj, kiujn oni eŭfemisme nomas armitaj konfliktoj aŭ incidentoj, mortigas niajn homajn kunfratojn, detruas materiajn havaĵojn kaj dezertigas tutajn regionojn, dum milionoj plue suferas pro manko de nutraĵo, kaj vivo de infanoj estingiĝas pro malsato. Tio ne estas mondo digna al la nomo Homo Sapiens; certe ne la mondo de justeco, kies vizion inspiris la superhomaj oferoj dum la lasta milito. Tio estas honto

kaj krimo kontraŭ ni mem, aŭ, kiel U Thant, la Ĝenerala Sekretario de UN esprimis sin iom pli singarde: "Progreso en la direkto de justeco kaj homa solidareco serioze postrestis malantaŭ la scienca kaj teknika progresoj."

La fakto estas, ke la homaro ankoraŭ ne trovis sociajn, politikajn kaj eĉ kulturajn instituciojn, adekvatajn al la atingoj de la scienco kaj teknologio. Subjektive, nome el morala-intelekta vidpunkto, la homaro certe ne transformiĝis en unusolan komunaĵon de popoloj kaj individuoj. Kaj tio estas la dua konstato.

III.

La malharmonio inter la grandiozaj atingoj de la scienco kaj teknologio unuflanke, kaj la konsiderinde postrestintaj formoj de socia-politika kunvivado aliflanke, sentiĝas ĉiam pli forte ne plu kiel nura malagrabla disonanco, sed rekte kiel unu el la fundamentaj sociaj antagonismoj de la nuntempo en mondaj dimensioj. Ni, la uzantoj de la Internacia Lingvo, sentas kaj perceptas tion multe pli ol la aliaj, ĉar tiu mirinda instrumento de internacia komunikado kaj potenca rimedo de vere internacia kompreniĝo obligas al ni koncepti la homaron kiel unuecan tuton. Ĝuste tial ni donas apogon al ĉiuj sinceraj kaj honestaj klopodoj, tute egale, de kiu flanko ili venas, celantaj pliboniĝon de internaciaj rilatoj sur kiu ajn kampo: ekonomia, socia, politika, kultura aŭ alia. Tial ni kontribuis al la Internacia Jaro de Edukado, iniciatita de Unesko kaj aprobita de la Ĝenerala Asembleo de UN. Tion ni faras konforme al la komuna celo de tiu kampanjo, sed laŭ aparta programo, kiu respondas al la celoj kaj idealoj de la Esperanto-movado... Necesas tamen akcenti la simplan veron, ke ĉiuj ajn metodoj aplikataj en edukado al internacia kompreniĝo devas aŭ resti plene sensignifaj aŭ havi nur minimumajn rezultojn, se oni ne venkas la lingvajn obstaklojn kiel fundamentan baron al interhoma komunikado de la popolaj amasoj.

Kiel ĉiuj antagonismoj sociaj, ankaŭ la prezentita antagonismo inter la objektiva kunligiteco de la mondo kaj la foresto de subjektiva unueco ne nur povas, sed necese devas esti solvita. Nur du vojoj eblas: aŭ la kreskantaj eksplodaj tensioj kondukos al la fina katastrofo de ĉiuj, aŭ la homaro sukcesos rapidigi la procezon de sia morala-intelekta integriĝo sur pli alta ŝtupo, adaptante sian subjektivan sintenon al la objektivaj kondiĉoj, nome al la materiaj fortoj, kiujn ĝi mem kreis, sed kiujn ĝi ankoraŭ ne lernis kontroli. Superflue diri, ke por tia supera integriĝo surbaze de egaleco kaj en maksimuma libereco la utiligo kaj apliko de komuna neŭtrale homa lingvo estas unu el la plej gravaj faktoroj. Ni kuraĝas diri eĉ pli: ĝi estas la esenca antaŭkondiĉo. Efektive, sen la ĝeneraligo de la uzo de Esperanto en internaciaj rilatoj de la popoloj tia integriĝo ne estas imagebla.

x x x

Ne sufiĉas nur pasive esperi, ke la homaro ekiros tiun duan vojon, la solan, kiu povas turni ĝin for de la abismo antaŭ kiu ĝi troviĝas. Aldone la firma fido necesas multege da konscia kaj respondeca laboro, bazita sur sciencaj esploroj kaj analizoj de la leĝoj regantaj la homan socion.

En nia konkreta situacio ne sufiĉas nur konscii pri la decida rolo de komuna lingvo en la procezo de integriĝo, nek sufiĉas nur ripoze kontentiĝi per ĉio jam kreita en la Internacia Lingvo, aŭ pere de ĝi, kaj atendi, ke per si mem, tute spontane, la lingvo plue disvastiĝos kaj automate manifestos sian pozitivan funkcion. Ne. Precipe en nia aparta kazo ni ĉiuj, kaj ĉiuj niaj organizaĵoj devas maksimume intensigi la klopodojn, utiligante plej racie la disponeblajn homajn fortojn kaj financajn rimedojn.

Ni vivas en moderna epoko de scienco kaj teknologio. Naŭdek pocentoj de ĉiuj sciencistoj, kiuj iam ekzistis, vivas en la nuntempo. Nur science pruvitaj faktoj havas valoron kaj estas akceptataj. Sciencaj analizoj, objektivaj statistikoj kaj komputeroj ŝtregas kolektivojn kaj individuojn.

Tiu moderna mondo diktas al ni modernajn, science bazitajn labormetodojn en ĉiuj sencoj, sed ĉefe en 2 direktoj: unuflanke, scienca esplorado, dokumentado kaj analizado de ĉiuj aspektoj de la lingva problemo; aliflanke, evoluigo de la fak-scienca vortara provizo kaj ĉiam pli ampleksa utiligado de la lingvo por fakaj sciencaj celoj. UEA jam agas laŭ siaj eblecoj en ambaŭ direktoj. Ĝia Centro de Esploro kaj Dokumentado pri la Monda Lingvo-problemo, kaj la elstara publikaĵo "La Monda Lingvo-Problemo" jam produktis multnombrajn sciencajn studojn, objektivajn dokumentojn kaj aliajn materialojn, kaj sukcesis multrilate korekti deformitajn imagojn kaj falsajn opiniojn. Aliflanke, pluraj el niaj organizaĵoj trafe evoluigas la lingvon en fakaj sferoj, publikigas fakajn periodaĵojn kaj penetras en fakajn mediojn.

Scienco kaj teknologio, mi ripetas, mastras kaj ĉiam pli mastras la homan socion. Ne nur la centraj organoj de UEA kaj kelkaj aliaj niaj institucioj en diversaj landoj sed ĉiuj niaj organizaĵoj kaj instancoj apliku kiel eble plej efikajn sciencajn metodojn en ĉiuj siaj klopodoj kaj agadoj por disvastigo de la Internacia Lingvo, por ke ĝi povu plene ludi tiun rolon en la nuna mondo de scienceco, kiun ĝi meritas kaj plenumi sian historian taskon en la integriĝo de la homaro surbaze de egaleco kaj justeco, sen privilegioj por unuj kaj malavantaĝoj por aliaj, sn libereco kaj prospero por ĉiuj.                                   /Laŭ la notoj de Gazetara Servo/

## Pluaj sciigoj pri la 55-a UKE

Post agrabla interkona vespero sabate la 1-an de aŭgusto en Sophiensäle la 2.8. en granda halo de Stadthalle okazis la solena malferno de la kongreso kun kutimaj alparoloj, kaj salutoj de 16 reprezentantoj registaraj, kaj de 30 landaj Asocioj. En la nomo de nia registaro salutis s-ro František Pazúr de nia ambasado en Vieno kaj Drahomír Kočvara en la nomo de Ĉeĥoslovaka Esperanto-Federacio. Post la parolado de D-ro F. Jonas, ŝtatprezidanto de Aŭstrio, D-ro Ivo Lapenna, prezidanto de UEA emfazis, ke en la historio de nia movado la unuan fojon okazis, ke la UKE-n salutis ŝtatgvidanto.

Posttagmeze okazis Inaŭguro de ISU /Internacia Somera Universitato/ kaj poste prelego pri Aŭstra literaturo kiel interligilo inter la popoloj. Je la 17-a h.okazis diservoj kaj je la 19-a Aŭstra Vespero, daŭrinta 3 kaj duonhoron. Ĝi estis ja altnivela kaj varia, sed tro longa por la moviĝema, en ĉiuj koridoroj babilanta publiko, kies ridado, alvokadoj k.s. tre ĝenis la programparton dediĉitan al serioza muziko. /do pli malmulte estas pli multe okaze de partopreno de granda hom-amaso//rim.de ES//

Lunde la 3-an de aŭg. Prof. D-ro Lapenna prelegis pri "Atingoj kaj malsukcesoj de Unuiĝintaj Nacioj". Krome okazis kunveno de Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj, jarkunveno de Univ.Medic.E-Asocio sub prezido de D-ro H.Shinoda, kaj::::: ::: BELARTAJ KUNKURSOJ, sub prezido de Prof. Waringhien kaj partopreno de 70 pers. Estis proklamitaj premioj por verkoj, kiujn legis la prezidanto, poste Roger Bernard, Emilja Lapenna kaj aliaj. En Originala Poezio 1. kaj 2. premioj ne estis aljuĝitaj. La 3-an gajnis Nicolino Rossi /It./ por Misrenkontoj. Laŭda mencio: Zora Heide /Dan/ "Vi al mi, mi al vi honore".- Tradukita Poezio. 1. Prof. Gaudenzio Pisoni /It/:Rido de la bela virino" de Gabrielle Chiabrere. 2-a ne aljuĝita. 3-a a/ G. Pisoni "Sur monto Marjo" de Giosujo Carducci, b/ Masajuki Kurod /Jap/:"Ohiro" de Mokito Saitoo. Originala prozo: 1. kaj 2. ne aljuĝitaj. 3. Andreo Szabo /Hung/: "Vojkurba renkonto" Originala dramo: premioj ne aljuĝitaj. L a ŭ d a  m e n c i o : Eduard V. Tvarožek /Ĉeĥoslov/: "La pendmaŝo". Nova talento: Adam Hrynkiewicz, Argentino, por la traduko de la poemo "Se" de Rudyard Kiplin g.

Kunvenojn okazigis: Internacia Ligo de Es-istaj Instruistoj /publikan/, Internac. Fervojista E-Asocio /fakan/, Tutmonda Esp. Ĵurnalista Asocio.

Krome okazis oficiala akcepto fare de la Urbestro de Vieno, teatraj- kaj filmprezentadoj.

El la kunvenoj kaj prelegoj dum la 4-a de aŭg. ni menciu tiun de Radio-amatoroj, Oratoran konkurson /la 1-an premion ricevis Duncan Charters -Usono - pri la temo: "Kion volas mia generacio"/.- Krome kunvenojn okazigis Turmonda Junulara Organizo, Veterana Espista Klubo, Ornitologia Rondo Esp-ista, Akademio de Esperanto, Mondpaca Esp-ista Movado, Internacia Unuiĝo de Esp-istaj Filologoj, E-Ligo Filatelista, Aŭtomobilista Klubo. Vespere okazis Teatraj prezentadoj kaj Junulara vespero.

Merkrede la 5-an de aŭg. okazis kunvenojde Muzika Esperanto-Ligo, Studenta Tutmonda Esp-ista Ligo, Internacia Scienca Asocio Esp-ista.- Vespere okazis Oficiala bankedo, kaj post ĝi Oficiala balo. Posttagmeze la sekretario de Österreichischer Automobil-, Motorrad- kaj Touring Club, akceptis la estraranojn de Internacia Esperanto-Klubo de Aŭtomobilistoj kaj konsilis al ili serĉi kontakton kun la landaj aŭtomobilistoj scipovantaj Esperanton por eventuala kunlaboro.

Ĵaŭdo estis dediĉita al ekskursoj. Tamen okazis Internacia Infana Kongreseto /laŭvice jam la 11-a/. La infanojn invitis kaj regalis la Urbestro, en la Urbodomo. La infanoj tre bone parolis la lingvon, la plimulto estas denaskaj esperantistoj.

Vendredo la 7-an de aŭg. okazigis kunvenon Internacia Scienca Asocio Esp-ista, dum kiu oni diskutis ĉefe pri la rilatoj al aliaj esp-lingvaj sciencaj organizaĵoj. Kunvenis ankaŭ Skolta Esp-ista Ligo, Internacia Poŝtista kaj Telekomunikista Asocio, Turisma E-Organizaĵo, Intern. Ligo de Foto-Kino-Magneton-Amatoroj;D-ro I.Lapenna kun reprezentantoj de fakaj asocioj, kaj vespere Internacia Arta Vespero.

Forlasis nin nia kara Paĉjo A.D.KREMER kaj estis enterigita la 27-an de aŭg. en la publika tombejo Košice-Barca. La lastan adiaŭon diris samideano G. J. Ferko.

La adiaŭa parolo okazis esperant- kaj slovaklingve. Ni citas el ĝi jenon:

Altestimataj gefunebrantoj! Estingiĝis vere nobla koro, kiu ĝis la lasta momento batis nur por la bono de la homaro, por la paca interkompreniĝo de ĉiuj homfratoj.

Granda sortbato atingis la tutan esperantistaron per la foriro de la elstara torĉo-portanto de nia esperantista pacmovado. Nia altestimata "paĉjo" samideano Alojzo Kremer, delegito de UEA, vicprezidanto de iama Slov.Esp.Societo, la nelacigebla Esperanto-instruisto, la lerta organizanto de ĉiuspecaj E-kunvenoj, la dumviva honora prezidanto de E-klubo en Košice, elspiris sian noblan animon la 25-an de aŭgusto en sia benita aĝo de 97 jaroj. Ni kunvenis por omaĝi lian memoron kaj akompani lin sur lia lasta vojo.

Li naskiĝis la 29-an de majo 1873 en malgranda slovaka vilaĝo de Orienta Slovakio. Pro la malfacilaj vivcirkonstancoj liaj parencoj dum lia infaneco translokiĝis al la nuna Timiŝoara, kie li finis la elementan kaj burĝajn lernejojn kaj ellernis la metion de kompostisto kaj laboris en Sibiu. Post 3-jara militservo li fariĝis korektisto kaj edziĝis. En 1904 li jam laboris en Hamburgo kiel kompostisto-korektisto por fremdaj lingvoj. En 1912 li fariĝis esperantisto kaj fervora disciplo de nia pacmovado, lia korafero. En 1914 li denove enarmiĝis al Košice kaj soldatservis pli ol 4 jarojn. Post la I-a mondmilito li restis jam kun sia edzino kaj filineto en Košice, kie li efike laboris por la esperantista movado, en kio helpis lin lia inteligenteco kaj larĝa scio de fremdaj lingvoj. Li gvidis efike multajn Esperanto-kursojn, edukis nian esperantistan junularon kaj por klubaj bezonoj tradukis multajn kantojn, inter ili ankaŭ la Kanton de Laboro. Kune kun la - jam ankaŭ foririnta - Jozefo Friedrich li fondis la E-klubon en Košice, kiu inter la du mondmilitoj havis pli ol 300 membrojn. Dum la malfacilaj tempoj li entuziasme subtenis la esperantistan fajron sub la cindro. Tiutempe li estis prezidanto de E-klubo en Košice kaj en 1948 li organizis la II-an Tutslovakan E-Kongreson en Košice, kiun partoprenis pli ol 350 esp-istoj.

Paĉjo Kremer estis ankaŭ bona edzokaj patro, pacama homo, ekstreme honesta, diligenta, bonkaraktera, alte ŝatata kaj amata ĉie, kie li laboris.

Karega Paĉjo! Kun peza koro kaj larmoj en la okuloj ni adiaŭas vin, dankante al vi en la nomo de ĉiuj gesamideanoj pro via senlaca, granda vivlaboro favore al nia tutmonda esperantista pacmovado. Vi konstante semis erojn de amo kaj humanismo, por ke ni foje atingu pli belan vivon, vivon en amo, paco kaj sen kruelaj militoj!

---

/Daŭrigo de la sciigoj pri la 55-a UKE/

Sabate la 8-an de aŭg. Prof.Lapenna omaĝis la mortintan honoran prezidanton de UEA, Erich Malmgren kaj aliajn mortintajn anojn. Poste li bondeziris al la aŭstria ĉefdelegito de UEA Franz W. Rentmeister, kiu festis sian oran geedziĝan jubileon.

PLENA ILUSTRITA VORTARO, impona verkego de G. Waringhien, ĵus aperis kaj markas eraon en la historio de la Internacia Lingvo. Tial ĉiuj Esp-aj verkistoj devos konsulti PIV, en kiun G. Waringhien enmetis sian tutan talenton.

DANKO al POLA RADIO VARSOVIO. La ĝenerala sekretario de UEA G.Becker al la reprezentanto de PRV s. Pettyn transdonis la ekzempleron de PIV. Kiam oni menciis, ke la 20-an de aŭg. plenumiĝos la 5mila elsendo de PRV, sekvis tondra aplaŭdo.S. Pettyn dankis pro la rekono kaj la aŭskultantojn petis donadi vivsignon per letero aŭ simpla poŝtkarto al PRV.- G.Becker petis skribi dankpoŝtkarton ankaŭ al Radio Vieno - WIEN, kiu antaŭ nelonge okaziĝis la 1 500-an elsendon en E., sub gvido de E.Vokal.

Post danko al ĉiuj, kiuj meritiĝis pri la sukceso de la 55-a UKE en Vieno, la prez. de LKK D-ro Grimme transdonis la kongresan flagon al la prez. de Loka Kongresa Komitato de la 56-a UKE en L o n d o n o, D-ro J.C.Wells, kiu invitis al la ĉefurbo de Britujo, kies E-klubo havas pli ol 200 esp-istojn pretajn okupi diversajn taskojn dum la Kongreso. La kongresejo troviĝos en la Kolegio de Londona Universitato.

Je la fino D-ro Lapenna emfazis la gravecon de UEA /UEA estas ja ni ĉiuj/ por antaŭenigo de E. en la mondo - UEA ne plialtigis la kotizojn. Post tio li alvokis al abono kaj aboniĝo de landaj bibliotekoj kaj institucioj al la revuo "Monda Lingvo-Problemo".- Post li la vicprez.de UEA Wensing substrekis, ke Prof.D-ro I.Lapenna estas la plej universala esp-isto /organizanto,oratoro,verkisto,juristo kaj viro de granda formato.- Sed per la martelbato de la prez. la UKE finiĝis./Daŭrigo en n-ro 5./

Tradician renkontiĝon de esperantistoj en Jablonec nad Nisou, o. Liberec ĈSR la 12.-13-an de septembro okaziĝos Esperanto-klubo KASS /s. Miloš Hruška/ kun riĉa, interesa programo. Interesulojn anoncu sin tuj al la indikita adreso.

Returnen - la adresato mortis! Ne unufoje ni ricevis iun n-ron de E.S. kun ĉi tiu rimarkiĝo. Lastafoje ĉi-maniere ni sciiĝis, ke en Prešov mortis nia fidela s-ano Andreo F ü h r e r . Honoron al lia memoro kaj nian kondolencon al liaj familianoj!

Vyslanec Nem.spolkovej republiky vo Viedni prijal 6-člennú delegáciu nemeckých esperantistov. Najprv horlil pred nimi za angličtinu, ale po hodinovom rozhovore sa dal presvedčiť. Pri rozlúčke im povedal: - Máte pravdu, ale nedajú vám za pravdu!

Aŭroro - estas la titolo de la reliefpunkte presata blindul-revuo en Esperanto. En la nuna jaro ĝi atingis la 50-an jaron de sia ekzisto. Depost la jaro 1920 ĝi aperas regule - krom interrompo dum la milito. Ĝi havas 450 legantojn en 39 landoj. La zorgon pri la financa flanko de la placa, enhave kaj lingve altnivela gazeto promis sur sin la eldonejo de la ĉeĥa blindul-revuo Zora.

Se vi volas fari pli interesa kaj pli riĉa vian dokumentaron por ekspozicioj, biblioteko aŭ propagand-vitrinoj, petu senpagan ekz. de Redakcia "Zora", Krakovská 21, Praha 1. La ekonomia flanko estis solvita tiel feliĉe, ke eksterlandaj blinduloj, legantoj de Aŭroro, povas ĝin ricevadi senpage. Atentigu pri tio viajn leteramikojn - tio kontribuos al la bona nomo de la ĉeĥoslovaka sociala prizorgo. Ankaŭ ili povas ricevi prov-ekzempleron de Aŭroro senpage, se ili ĝin petos je la supra adreso.- La redakcio de E.S. ricevis leteron de la redaktoro de Aŭroro s-ano V u k a c h t n e r , ke ĝi estas revuo ankaŭ de slovakaj nevidantaj esperantistoj,resp. ĝi ne ĉesis esti tutŝtata organo de la laboro por Esperanto inter niaIandaj blinduloj. Krom tio li mencis, ke en la blindullernejo en Levoča pli ol 30 infanoj frekventis Esperanton en la pasinta lernojaro. Estus tre domaĝe, se tiu laboro fariĝus senrezulta pro neglektado. Ni petas niajn ges-anojn instruistojn /ĉu eble s-ano E. Grich en Bardejov aŭ iu alia?/, ke ili ekrilatu kun la kursfinintoj en Levoča.

Somera Esperanto-Lernejo en Dudince sukcesis. La gastoj en la ekzamena komisiono miris, kiel oni povis dum kelkaj tagoj akiri tiom da lingvoscio,kapablo,lerteco. Aliĝis 79 personoj. Ĝi daŭris ekde 5-a ĝis 19-a de julio, do kun 3 liberaj dimanĉoj. La vetero estis bonega, krom la lastaj tri pluvaj tagoj, kiam oni ne povis tiel ameuze sin bani en la termala baseno, kiel dum aliaj tagoj./Ĉiutaga posttagmeze estis banado/. Estis tri klasoj: A - por komencantoj /instruis E. Váňa/, B - por progresintoj /instruis Ing M. Zvara/, kaj C - por estontaj instruantoj de E-to /instruis T. Gaál/.- Ĉiuj kursanoj havis vere grandan kaj sinceran intereson, do la rezulto estis eminenta, precipe ĉe la C-anoj.- Okazis ankaŭ kelkaj amuzaj kaj kulturaj vesperetoj, bivaka fajro kun kantado, rakontado, filmprezentado. Kortuŝa estis la fermo de la kursaro kun adiaŭa parolo de s-ano Váňa. La adiaŭo restos longe en la memoro de ĉiuj, ĉar nur malmultaj okuloj restis senlarmaj./Rim. de la red.: Ni ricevis esp-lingvan priskribon de s-ano Sládeček pri SEL - ni aperigos ĝin en la 5.n./

"Sana Lernejo" . Kiel ni jam informis en O.I. /pĝ 63/, en Martin ni interkonatiĝis kun francaj instruistoj kaj inter ili kun esperantistoj ges-roj M a r i n . Ili informis nin pri la Freinet-metodo, por edukado de infanoj. Eltrovis ĝin Celestono Freinet, reveninta el la I-a mondmilito kun pulma pafvundo kaj ne resaniĝinta tute en sanatorioj, do estis por li malfacile paroli. Tial li ekparoligis la infanojn. Li volis, ke ili ne sidu nur en la lernejoj kaj ne lernu nur el libroj, sed kondukadis ilin tra la vilaĝo, urbo, ĉirkaŭaĵo, por ke ili ekvidu la ĉiutagajn vivon kaj laboros; por ke ili studu la medion. Poste ili en la lernejo rakontis pri siaj plej freŝaj travivaĵoj. Per voĉonado, kiun partoprenis ankaŭ la instruisto, kiu ne sidas sur la pupitro, sed lia seĝo troviĝas inter la infanoj, oni elektas la temon, pri kiu oni poste parolas kaj faras desegnaĵojn. Ili devas korekti mem, do la infanoj serĉas kaj trovas la erarojn. F. malŝatis la preskaŭ militistajn sistemon kaj disciplinon, kiu regis tiam en la francaj lernejoj /li estis komunisto/, kaj edukis la infanojn al memstareco kaj disvolvo de la propra personeco /tial li estis ankaŭ forigita/. Sed li,li ne cedis eĉ antaŭ malhelpoj kaj konstruis propran domon-lernejon. Li trovis samsortan instruiston en Bretonio /li loĝis en Provence/ kaj iliaj gelernantoj ekkorespondis kaj vizitadis sin reciproke.Ili interŝanĝadis kajerojn kun kolorigitaj desegnaĵoj,faritaj per malsamaj teknikoj.Krome li propagandis la vivon en freŝa aero, suno;matenajn banadon gimnastikon,kaj vegetarismon.

N a t u r i s m o

Preskaŭ ĉiuj civilizitaj homoj estas malsanaj, ĉar ili ne obeas la naturajn leĝojn, kiuj postulas sanan kaj virtan vivon.

Modernaj homoj apartiĝas pli kaj pli de la naturo, kaj ĝi punas ilin per diversaj malsanoj.

Por forigi la malsanojn oni devas reveni al saĝaj reguloj de la naturo. Scienco, kiu resumas tiujn ĉi regulojn, nomiĝas n a t u r i s m o.

Naturismo ne estas ekskluziva kuracista procedo, aŭ indikaro pri manĝaĵoj. Ĝi estas multe pli, ĉar ĝi estas sistemo de vivo!

La homoj devas konvinkiĝi, ke sano estas rekompenco pro sana kaj virta vivo. Do estas necese konscii, ke estas neeble aĉeti sanon ĉe farmaciisto aŭ en hospitaloj. Drogoj ne povas resanigi la malsanulon kaj kirurgiaj operacioj ne faros el malsana organo alian, sanan!

Naturo, por personoj, kiuj ne bone komprenas tiun ĉi gravan kaj samtempe simplan aferon, estas multe pli facile engluti drogon, kiu momente forigas la doloron aŭ alian malagrablan simptomon, ol pripensi la veran kialon, kiu ĝin kaŭzis.

Naturismo studas la homon laŭ tri aspektoj: fizika, mensa kaj morala.

Vera sano ne povas ekzisti, se ne ekzistas harmonio inter tiuj tri elementoj!

Ĉiutage oni inaŭguras novajn hospitalojn, resanigejojn kaj frenezulejojn, sed la nombro da malsanuloj ne malkreskas, sed kontraŭe ĝi terure kreskas! Ja oni ne solvos tiun ĉi problemon de la publika sano per kreado de novaj hospitaloj, same kiel oni ne solvos la problemon de kriminalismo per kreado de novaj malliberejoj.

Sano kaj virto estas sinonimoj. Tiu, kiu ne akceptas la simplan principon, ne povos- pli-malpli frue - eviti la malĝojan rezulton.

D-ro Jaime Scolnik /=ĥajme skolnik/, Argent.

--O--

A n s t a t a ŭ v i a n d o

/El la revuo Life and Health - Vivo kaj Sano - vol. 85, n-ro 3, marto 1970. Kun permeso de la aŭtoro D-ro Lloyd K. Rosenvold, el la angla tradukis Sergio R. Docal, Washington D.C., Usono. Ni aperigas la artikolon en iom mallongigita formo - rim.red./

Dum malabundo de viando okaze de la dua mondmilito, multaj dommastrinoj lernis pri bongustaj kaj nutrigaj senviandaj manĝaĵoj. Kaj ekde kiam la bestdevenaj grasoj estis suspektataj pri estigo de arteriosklerozo, ĉi tiuj virinoj denove komencis studi la senviandajn menuojn, celantaj eviti la malutilajn rezultojn.

Ĉu estas eble konservi bonan sanon kaj bone nutri sin per senvianda dieto? Jes! Multaj miloj da usonanoj tion faras. Kion ili manĝas? Ĉu estas eble ricevi sufiĉan proteinon kaj feron per ilia manĝado? Kaj kion pri vitaminoj?

Ni rigardu kelkajn faktorojn. Estas vero, ke bov-proteino estas bonkvalita el nutra vidpunkto. Sed la plej multaj homoj trosatiĝas sin per ĝi. Meza viro bezonas nur 28 gramojn da proteino potage. Por plia certeco, ni diru, ke 45 gramoj suficegas. Oni povas facile akiri tiun kvanton da bonkvalita proteino el fontoj aliaj ol viandaj. Ovoj enhavas proteinon eĉ pli bonan ol tiu de viando, kaj lakto-proteino estas almenaŭ tiel bona kiel la vianda.

Sed ni rigardu nun en la vegetablan regnon por altkvalita proteino.

Sojoj kaj kikeroj enhavas perfektan proteinon. La plej multaj aliaj legomoj /fazeoloj, arakidoj aŭ araĥisoj, faboj, lentoj ktp/ entenas iomete malpli perfektan proteinon. Interese, la protein-frakcioj, kiuj malabundas en tiuj legomoj, ja abundas en kompletaj grenoj. La normala uzo de kompletaj grenoj forigas tiun malgrandan mankon kaj el la legom-proteinoj faras perfektan proteinon. La rezulto estas proteino tiom kompleta kaj nutriga kiel la viandaj.

Kompletaj grenoj havas ja bonegan proteinon. En Usono ni uzas tritikon kiel ĉefan grenon. Kompleta tritiko havas bonegan proteinon. Kaj same: kompleta rizo, kompleta sekalo kaj kompleta aveno. Kvankam la plej multaj grenoj enhavas malmulte da kelkaj proteineroj, okazas, ke ĝuste tiuj mankantaj partoj abundas en legomaj proteinoj. Alivorte legomoj kaj kompletaj grenoj kompletigas unu al la aliajn perfektaj proteinoj.

Nuksoj troviĝas inter la plej bonaj fontoj de proteino en la mondo. Fruktoj kaj vegetabloj havas bonegan proteinon, kvankam en malgrandaj kvantoj. Terpomoj entenas altkvalitan proteinon. Ili estis unu el la ĉefaj nutraĵoj de la fortegaj irlandanoj, kiuj enmigris Usonon antaŭ unu jarcento.

La karno de semoj de helianto aŭ sunfloroj, estas frandaĵo tre ŝatata de multaj usonanoj. Rusoj manĝadas ilin jam dum jarcentoj. Ili enhavas 17% da altkvalita proteino. Aliaj fontoj de plej bona proteino estas ferĝisto, kaj tritikĝermo.

Fakto, kiun multaj ne scias: viando estas la plej malbonaj fontoj de mineraloj, esceptu fosforon. Laboratoria analizo de viando eble montrus iom da fero /pro tio, ke la plej multaj viandoj enhavas multe da sango/, sed ĝi estas en formo ne komplete /nur 11%/ asimilebla de la homa korpo.

Sekigitaj faboj enhavas trioble pli da fero ol bovo-viando. Pizoj, tritiko kaj aveno entenas duoblan kvanton.

Antaŭ kelkaj jaroj kelkaj nutristoj ektrovis kion vegetaranaj kuracistoj sciis jam dum longa tempo: ke viando ne forigas anemion. En la aŭtoritateca revuo Nutrition Reviews /aŭgusto 1962/ ni legas:

"Surprizige, nutrado konsistanta el viandoj regule kaŭzas seriozan anemion al musoj. Bovoviando kaŭzis plej gravan anemion, sed porkaĵo ankaŭ produktis similajn rezultojn. Kokoviando estis iomete malpli efika kiel kaŭzanto de anemio."

Ekzistas homoj, kiuj erare kredas, ke oni bezonas, kiel ili ĝin nomas: bonan ruĝan viandon, por estigi ruĝan sangon. La vero estas, ke viando estas ege malbona produktanto de sango, kaj laŭ la menciitaj eksperimentoj ĝi povas eĉ kaŭzi anemion. Manĝaĵoj el la vegetala regno ankoraŭ restas niaj plej efikaj sangoproduktantoj.

Simile esprimis sin D-ro Henry Sherman el Columbia-universitato, kaj Konstance Pearson, en la verko "Modern Bread from the Viewpoint of Nutrition" /Moderna Pano el Vidpunkto de Nutrado"/ paĝo 42. La fero de kompleta tritikpano estas pli efika por produkti hemoglobinon, ol sengrasa bovaĵo, hepato kaj ovoflavo."

Ekzistas homoj, kiuj kredas, ke viando estas bona fonto de vitaminoj. La fakto estas, ke ĝi /escepte hepaton, renojn kaj aliajn internaĵojn/ estas malriĉega fonto de vitaminoj. Muskola viando ja havas iomete de iuj el la B-vitaminoj, sed kompletaj grenoj kaj legomoj estas multe pli bonaj fontoj. Vitamino E abundas ĉefe en semoj. En bifsteko mankas vitaminoj A kaj C, kiuj sufiĉege troviĝas en fruktoj kaj vegetaloj. Do, se vi serĉas vitaminojn, serĉu en la vegetala regno.

La viando-graso estas precipe de saturita speco, kiun oni pli kaj pli akuzas kiel kaŭzon de malmoliĝo de la arterioj. La naturaj grasoj de la vegetala regno estas plejmulte el nesaturita speco, kiu tendencas eviti la malmoliĝon de la arterioj. Jen plua gratifiko por homoj, kiuj preferas vegetaran nutradon. Kaj bedaŭrinde, la faritaj studoj montras, ke la homo ŝatas kaj serĉas en viando la gras-guston, ne ĝian proteinon. La plej multaj ne povus toleri viandon sen troa spicado kaj graso.

La manĝaĵoj el la vegetala regno havas siajn proprajn, delikatajn gustojn, kaj ili ne bezonas ian aŭ nur malmultan spicadon.

Kiam vi elektas la senviandan vivon, vi lernas ĝui la naturajn manĝaĵ-gustojn.

/La tradukinto rimarkigas, ke kiam li petis permeson de la aŭtoro traduki la artikolon kaj aperigi ĝin en Esperantisto Slovaka, D-ro Lloyd Rosenvold respondis, ke nun li ne plu scipovas E-ton, sed li klopodis ĝin ellerni antaŭ multaj jaroj, do li estus tre danka, se li povus ricevi ekz. de E.S. kun lia artikolo. S-ano S.R. Docal ofertis sian tradukon al E.S. tial, ĉar "ĝi ĉiam havis rubrikon pri vegetarismo"/.

—0—

El la leteroj de niaj legantoj: ... Kun intereso kaj ĝojo mi legis vian Esperantiston Slovakan kun la vegetarana rubriko kaj mi estas preta ĝin mendi.- En mia lando vivas multe da vegetaranoj, kiuj certe ankaŭ havus intereson pri ĝi. En mia urbo ekzistas 4 belaj vegetaraj manĝejoj, ĉiutage plenplenaj. Krom tio la senalkoholaj restoracioj de la "Virina Societo" /16 da tiaj en mia urbo/ ankaŭ havas ĉiutage senviandan, do vegetaran menuon. En Baselo, Berno, Ĝenevo kaj Lozano jam delonge estas konataj kaj bonfamaj la vegetaraj manĝejoj. Krome, komprenéble, en ĉiuj pli grandaj lokoj la hoteloj kaj precipe la senalkoholaj manĝejoj donas vegetaran menuaron.

P. Enz, Zürich, Svislando

Ĉion por la Vegetara Rubriko sendadu al Ernesto Vána, DUDINCE, Ĉeĥoslovakio - S.S.R.
Ĝi estas interna aldono al Esp-isto Slov, n-ro 4/70. Adr.: Esperanto, p.f.80, MARTIN, ĈSSR

Lenke Kun /Hungario

## Miaj travivaĵoj en Ĉeĥoslovakio

Alvenis la tago de la vojaĝo, la 6-a de julio. Mi estis tre ekscitita, kiel sukcesos la granda plano pasigi unu monaton en Ĉeĥoslovakio inter esperantistaj geamikoj kiuj invitis min restadi en diversaj lokoj. Vojaĝado por mi estas ĉiam alloga.

Mia unua stacio estis Piešťany, la fama banloko. Tie mi pasigis 10 tagojn. Mi ĉiutage vizitis termalbanejon, posttagmeze mi ripozis sur la bordo de la rivero Váh, kie estas granda libera strando kun multaj ludiloj por la infanoj. Vespere mi promenadis en la belega parko kaj en la ripozeja ĝardeno aŭskultis belajn koncertojn.

La lastaj du tagoj estis jam tre malvarmaj, kvazaŭ la naturo estus farinta venĝon kontraŭ la bangastoj. Pluvis, blovis kiel aŭtune. En tiaj cirkonstancoj mi daŭrigis la vojaĝon al Svitavy. Mi alvenis en granda pluvo, tamen en la stacidomo atendis min mia Esperanta amikino Květa Bartošová kun sia edzo, per aŭto. Mi restis ĉe ili kelkajn tagojn. Květa surprizis min per riĉaj programoj.

Unue ni promenadis tra la urbo Svitavy. Ĝi havas specialan karakteron kun arkaĵaj konstruaĵoj kaj ĉirkaŭ 40 mil loĝantojn. Ni faris viziton ĉe la konata esperantisto s. Rýznar, kie ni trovis veran amikan rondon.

La 18-an ni faris aŭtoekskurson al Litomyšl. Tie ni vizitis la belegan renesancstilan kastelon el la 16-a jarcento, iam posedis ĝin grafo Pernštejn. La ŝtuparoj estas tre malaltaj, preparitaj ankaŭ por la ŝatata ĉevalo de la grafo, ĉar ĝi loĝis en la I-a etaĝo! La grafo ĉiutage promenadis surĉevale sur la ŝtuparoj! En la belegaj ĉambroj estas videblaj la meblaroj de la grafa familio. La grafo posedis ankaŭ bierfarejon en la kastelo. La estro de tiu entrepreno estis la patro de la plej granda ĉeĥa komponisto Bedřich Smetana. Tie ĉi estas la ĉambro de Smetana, en kiu oni instalis la muzeon de la muzikkomponisto. Ni havis eblecon aŭdi pere de gramofono esperantlingvan tekston pri la vivo de Smetana kaj aŭdi parton de muziko de lia opero "La vendita fianĉino".

La 19-an ni ekskursis en la montaron Moravský Kras, al la abismo Macocha, groto, kiu havas tre kortuŝan historion. Macocha signifas duonpatrinon. Iu viro perdis sian edzinon kaj restis al li infaneto. Li havis multe da zorgoj kaj laboro, do li denove edziĝis. La infano ricevis duonpatrinon, kiu ĝin ne ŝatis kaj intencis pereigi ĝin. Ŝi kondukis ĝin al la abismo kaj ĵetis en la profundon. Sed la infanon retenis ia arbusto. Laboristoj en la arbaro hazarde preteriris antaŭ la abismo kaj ekaŭdis la krion de la infano. Ili savis ĝin. Kiam la duonpatrino ekscios tion, ŝi ĵetis sin de sur la supro de la roko en la abismon.- Ni iris en la groton kaj admiris la fabelmondon. Reveturante plezurigis nin la valbaraĵo Plumlov, la kastelo kaj antaŭ ĝi la granda lago.

La 20-an ni vojaĝis al Vsetín por viziti la fraton de Květa. Tie ni restadis du tagojn kaj dume ekkonis la urbon kaj faris romantikan ekskurson al la montaro Bezkydy. Ni vagadis multe, kaj perpiede al Radhošť. Ĝi estas nomo de pagana dio. La paganoj tre timis la naturfenomenojn /ekz. la ŝtormon, fulmotondron ktp, kiuj signifis, ke dio Radhošť koleras/. La dio loĝis en Bezkydy, pro tio la plej konata monto estas nomata Radegast. La statuo de la dio staras sur ĝia supro kaj memorigas la pasintan tempon de paganismo. En la jaro 863 Cyril kaj Metod disvastigis la kristanan religion kaj piedpremis la paganan dion. Je kelkaj metroj pli alte ni vizitis ilian statuon kun la piedpremita dio; malantaŭ staras ligna kapeleto.- La ekskurso en 1136-metra alteco estis belega. Revenante ni haltis ĉe la montpiedo kaj ripozis antaŭ la hotelo Radegast.

La 2-an ni ekskursis al Rožnov ĉe la rivero Bečva. Tie ĉi troviĝas liberaera muzeo el la 18-a jarcento, tuta el ligno. En la ĉambretoj interesaj popolkostumoj, mebloj, ĉiutagaj aĵoj. Reveturante el Vsetín ni denove vizitis la valbaraĵon en la romantika ĉirkaŭaĵo, nomata Bystrička. La saman tagon ni forlasis Vsetín. Ni vojaĝis al Gottwaldov kaj trans Brno ni revenis al Svitavy.

La 22-an ni ekskursis al Svojanov. Tiu ĉi antikva kastelo en gotika stilo leviĝas ĉe la Bohemia-Moravia montetaro. La plej malnova parto estis konstruita en la 13-a jarcento, poste ruinigis ĝin fajro kaj restis nur malgranda parto kun turo. Plejparte ĝi estis renovigita en la 19-a jarcento. El la turo ni povis ĝui la mirindan panoramon. En Svitavy mi havis multajn neforgeseblajn travivaĵojn, kaj mi povas diri nur modestan varmkoran dankon al mia amikino Květa Bartošová kaj al ŝia edzo, por tiom da ĝojo.

estis fondita en januaro 1970. La gvidanto estas s-ano Leszek Pietrzykowski /leŝek pjetŝikovski/, muzikestro de la Ensemblo "Muzilo" /Wrocław - 17, poŝtkesto 16, Str. Dubois 3, Pollando/. La celo de la Sekcio pri Junulara Muziko estas:

1. Grupigi ĉiujn gejunulojn, interesiĝantajn pri moderna muziko.- 2. Registri ĉiujn junularajn muzikensemblojn, kiuj en siajn repretuarojn enkondukis Esperantajn kanzonojn, kaj koordini la kunlaboron inter ili.- Koordini la agadon de la esp-istaj kluboj de kanzon-amantoj /muzik-fanoj/.- Kunlabori kun komponistoj kaj koncertistoj de moderna muziko kaj kun aŭtoroj kaj tradukistoj de kanzon-tekstoj.- 5. Laŭeble helpi al esp-istaj aŭtoroj kaj komponistoj en agnosko de iliaj aŭtoraj rajtoj.- 6.Gvidi arkivon kun muziknotoj kaj esp.lingvaj tekstoj de modernaj kanzonoj.- 7. Eldonadi aŭ agi por eldonado de muziknotoj kaj tekstoj de Esp-aj kanzonoj.- 8. Agadi, por ke la radio- kaj televid-stacioj dissendu ankaŭ Esp-ajn kanzonojn.- 9. Helpi al la junularo en muzika edukado per popularigo de muzilo, la nova facila muzika notacio prilaborita de prof. Henryk Paruzel.- 10. Agadi por instigi diskoproduktejojn, ke ili eldonadu gramofondiskojn kun Esp. kanzonoj.- 11. Kunlabori ĉe organizado de landaj kaj internaciaj festivaloj de Esp-a kanzono.- 12. Eldonadi propran porjunularan revuon kun informoj pri moderna muziko, kanzonoj, ensembloj, kanzonistoj, festivaloj ktp.- 13.Prilabori kaj eldoni en Esp-o lernolibrojn pri gitarludo laŭ la nova muzika notacio.

Membro de la Sekcio povas fariĝi ĉiu esp-isto, kiu profesie aŭ amatore okupiĝas pri distra porjunulara muziko kaj kanzonoj. Al interesitoj ni sendos aliĝilojn kaj aliĝkondiĉojn. Esp-istoj el nepagipovaj landoj povas aliĝi al JM ĉe MEL senpage.

II. Esperanta kanzono en la eteron! La Muzik-Ensemblo "Muzilo" surbendigis multajn kanzonojn en E. por Pola Radio kaj Televido. La kanzonoj estas ofte aŭdigataj ankaŭ en alilandaj radio- kaj televid-stacioj. Ekzistas interkonsento pri interŝanĝo de programoj inter radiostacioj de diversaj landoj.Necesas nur, ke la koncerna radiostacio ricevu multajn leterojn kun peto, ke oni prezentu la polan Muzik-Ensemblon "MUZILO" el Vroclavo. Ni petas do, ke ĉiu esp-isto skribu en sia nacia lingvo minimume du leterojn: unu al la centra radiostacio, kaj la duan al la televid-stacio, krome ankaŭ eble al lokaj radiostacioj. Konsideru, ke nur tiamaniere la loĝantaro de via lando ĥavos la okazon aŭskulti modernajn distrajn kanzonojn en E. La propaganda efiko estos grandega.- S-ano H. Leubner el Pirna /GDR/ jam skribis al Radio Berlin, ke ĝi disaŭdigu kanzonojn en plenumo de la Muzik-Ensemblo "Muzilo", kaj ricevis favoran respondon. Radio Berlin skribis al li, ke oni petos Polan Radion, ke ĝi sendu interŝanĝe sonbendon kun la kanzonoj de "Muzilo" kaj estonte oni invitos la ensemblon al Berlino, se la interesiĝo pri ĝi estos pli granda.

III.Nova Esperanta disko jam aperis. Pola Surdiskiga Entrepreno "Polskie Nagrania" eldonis diskon kun 4 modernaj esp-lingvaj kanzonoj en la plenumo de la Muzik-Ensemblo "Muzilo". Oni povas ĝin mendi ĉe "Ars Polonia", Varsovio, Str.Krakowskie Przedmieście 7, Pollando, kaj en ĉiuj eksterlandaj polaj kulturcentroj /en Ĉeĥoslovakio en Pola Kultur-Centro, Jindřišská 3, Praha 1./- Esperantistoj el ĉiuj socialismaj landoj direktu siajn mendleterojn al sialandaj importaj entreprenoj okupiĝantaj pri importado kaj eksportado de libroj kaj diskoj. Se la koncerna entrepreno ricevos multajn leterojn kun demandoj pri la disko de la Muzik-Ensemblo "Muzilo", ĝi certe tuj venigos pli grandan kvanton de la disko, kiun oni poste povos aĉeti en ĉiuj diskovendejoj en la tuta lando.Konsideru, ke tiam aĉetos ĝin ankaŭ neesp-istoj, kiuj eble dank al tio ekinteresiĝos pri E./En ČSSR:ARTIA n.p., Ve Smečkách 30, Praha 2./

IV. Sonbendojn kun E. kanzonoj en plenumo de la Muzik-Ensemblo "Muzilo" oni povas aĉeti de Redakcia Nagrań i Przegrań Foniczno-Wizijnych Polskiego Radia i Telewizji, Warszawa, Ul. Woronicza 17, p.212, Pollando./Demandu rekte pri detaloj, ĉar pro lokmanko ni ne povas aperigi la tutan tekston ĉi-rilatan - rim.de E.Slov./

V. Koresponda kurso de muzilo. Ni organizas korespondan kurson de nova facila muzik-notacio "muzilo". La partopreno estas senpaga. Ĉiuj aliĝontoj ricevados de ni stud-materialojn regule. /La adreson vidu tute supre - rim. de E.Sl./

VI.Interŝanĝa reto de kanzon-kolektantoj. Ni disponas pri muzik-notoj kaj Esp. tekstoj de kelkcent modernaj kanzonoj. Rajtas ilin ricevadi ĉiuj membroj de JM ĉe MEL, aliĝintaj en interŝanĝajn grupojn. /Laŭ la Bulteno n-ro 1, ricevita la 19.8.70/. Nia redakcio varme rekomendas serioze pritrakti en niaj kluboj ĉi novajn eblecojn!

/Elemento/. 3 Komenca, plej simpla, unuagrada. Elementa lernolibro de aritmetiko. Elementa lernejo. Batali por la plej elementa homa libereco. Elemente simpla.

Elimini /tr/. 1 Iom post iom forigi el la korpo malutilajn substancojn. Elimini nekonaton el ekvacio. 2 Forigi, malaperigi, malakcepti. Elimini hipotezon, nomon el listo. Elimini ekzamenaton, kandidaton.

Elipso. 1 Forigo de unu aŭ kelkaj vortoj, kiujn oni ne juĝas nepre necesaj por la kompreno. En la frazo "mi vidis lin, sed ne vin" oni faras elizion de la verbo en la dua prepozicio. 2 Kurba fermita linio, en kiu la sumo de la distancoj de ĉiuj ĝiaj punktoj al la fokuso estas ĉiam konstanta. La planedoj laŭiras ĉirkaŭ la suno tre longformajn elipsojn.

Elizeo. 1 Fabela lando, kie laŭ la antikvaj kredoj, la herooj, la virtuloj loĝis post la morto en eterna printempo.

Elizii /tr/ = forigi la finan vokalon de vorto. En Esperanto nur la substantivo kaj la artikolo povas esti eliziataj.

adi

Elokventa. 1 Posedanta la talenton facile, konvinke kaj bele paroli. Konvinka oratoro. La elokventeco estas anima kapablo, kiu igas nin estroj super la koro kaj spirito de aliaj. La tro konstanta elokventeco enuigas. Sciu elokventi, sciu ankaŭ silenti. 2 Bela kaj konvinka. Elokventa parolado, stilo, rigardo.

Em. I-e: sufikso montranta inklinon aŭ kutimon al io. Laborema, kolerema, babilema, manĝema, timema, dormema, erarema, falsema, purema, verema, muzikema, virtema, gastema, ekonomiema, dogmema, altrudiĝema, batalema, singardema, kredemeco, drinkemulo, mortemulo. /Rim. de la autoro: 1 Kun adjektiva aŭ substantiva radiko oni povas ankaŭ uzi sufikse anstataŭ "em" la radikon "am", kiu tamen pli insistas pri la konscienco kaj volateco de la inklino. Verama, varmama, gastama, ekonomiama, glorama. 2 La adjektiva finaĵo "-a" kaj la sufikso "ec" donas al la sufikso "em" la sencon de daŭra aŭ kutima inklino. Kolerema, ŝparema, nelaciĝema spirito; kiel rapidemaj bildoj de magia lanterno. Ŝi forpuŝis tiujn ĉi dubojn de si kiel ion tro altrudiĝeman, tro pezan por ŝiaj fortoj. Kredemeco.- Male la simpla substantiva finaĵo "-o" prefere donas al "em" la sencon de nedaŭra, pasanta inklino. Senti dormemon, vomemon.

II-e: memstara vortero signifanta prefere nedaŭran inklinon al io. Mi estas ema akcepti vian proponon. Mi estas ema al akcepto je via propono. Havi emon al io. Mi estas laca kaj emas dormi. Lia sintenado emigis min al pardono.

Emani /ntr/: /plej ofte pri gasoj kaj radio/ = eliĝi nevideble. Emano - ago, per kiu eliĝemaj /vaporiĝemaj/ substancoj emanas el la korpoj. Emanaĵo. 1 Tio, kio emanas. 2 Emananta gaso. Nitono estas radiuma emanaĵo. Emanigi /ion/ = eligi. Radiumo emanigas energion.

Emancipi /tr/. 1 Liberigi el la patra aŭ kuratora povo. 2 Liberigi iun el la dependo de supra aŭtoritato. La universala voĉdonado emancipis la popolon. Dum la renesanco emancipiĝis la spiritoj. Vi devas emancipi vin el tiu stulta modo. La emancipado de la sklavoj, de la virinoj.

Embaraso. 1 Ĝeno al la movoj, al la agado, kaŭzita de materiaj malhelpoj. Embaraso de stratoj, de veturiloj, de stomako. 2 Situacio el kiu oni ne povas facile eliri, ŝanceliĝo de la decido. Esti en granda mona embaraso. Embaraso de riĉeco. Eltiri iun el embaraso. Por forigi ĉiujn embarasojn, uzu nur la lastan formon. Ĉiuj rimarkis lian embarason. Senfina embaraso montriĝis en ĉiuj liaj trajtoj. La embaraso de la ŝtato. Embarasi: Ĝeni la movojn, la agadon per materiaj malhelpoj. Tiu pakaĵo embarasas min. Veturilo embarasas la straton. Malembarasi la ĉambron. 2 Meti iun en situacion, el kiu li ne povas facile eliri. La dismembriĝo de la lingvo neniom embarasas la lernanton. Tiu demando multe embarasis min. Li embarasiĝis en mensogon. Embarasite respondi. Embarasa: 1 Kaŭzanta embarason. La elekto de taŭga formo estas ofte embarasa. 2 = embarasoplena, vidiganta embarason. Havi embarasan mienon.

Emblemo = figuro de objekto aŭ estulo konvencie reprezentanta abstraktan ideon. Verda stelo estas emblemo de Esperanto. Pesilo estas emblemo de la justeco.

Embusko. 1 Loko, kie oni sin kaŝas por surprize ataki malamikon. Fali en embuskon. 2 Sinkaŝado por surprize ataki malamikon. Li feliĉe evitis ĉiujn embuskojn kontraŭ sia sukceso. Fari embuskon. Embuski /ambaŭsenca/ = resti kaŝita, atendante por surprizi malamikon. Embuski iun, kontraŭ iu. Embuskigi = postenigi embuske. Li embuskigis 20 soldatojn post la turo. Embuskiĝi = sin kaŝi embuske. Virino embuskiĝinta post sia ventumilo. Embuskejo = embusko.

Emerĝi /ntr.,uzata en optiko/ = eliri /el io/. Kiam radio emerĝas el iu medio, ĝi estas nomata emerĝanta radio. La emerĝa ebeno estas ebeno normala je la emerĝa faco de la medio, kaj kiu entenas la emerĝantan radion. La emerĝanta angulo estas formata de la emerĝanta radio kun la normalo ĉe la emerĝa punkto.

Emerito = oficisto, kiu post difinita tempo de servado, ricevas pension. Emerita profesoro. Emerita salajro, pensio. Emerite vivi. Li ĝuas sian emeritecon.

Emerituro = pensio.

Emfazo = pli forta prononcado de la parolo; insista pligrandigo, afekta aŭ ne, en la tono kaj esprimmaniero; solena, pompa tono. Li deklaris kun emfazo, ke li estas delegito. Troa emfazo efikas ridige. /Emfazo ne enhavas la saman malfavoran nuancon kiel bombasto/. Emfazi /tr/ = diri emfaze. Li emfazis tiujn vortojn.

Eminenta. 1 /iu/ supera, distinginda pro sia rango, merito, talento aŭ scio. Eminenta oratoro, profesoro, sciencisto. Eminenta servo, afero, rolo, rango, kapablo. Eminenta instruiteco, servo, afero, rolo, rango, kapablo. Eminente taŭga, grava. Eminentulo = persono eminenta. Eminentularo = tuto de eminentuloj.

Emocii /tr/ = forte tuŝi, movi la animon. Emocii iun ĝis larmoj. Ĉiuj estis emociitaj. Emocio. 1 Kortuŝo. Tiuj paroloj estigis grandan emocion en la ĉeestantaro. Dolora emocio montriĝis sur ŝia vizaĝo. 2 Ĉiu ajn afekcia stato. Emocia = kortuŝanta. Emocia rakonto, situacio, gesto. Emociiĝi = esti movita, kortuŝita de io. Li emociiĝis antaŭ tia mizero.

En. I-e prepozicio montranta: 1 La lokon, interne de kiu estas io aŭ iu. Mia onklo loĝas en Berlino. Mi sentas min sana kiel fiŝo en akvo. Mia koro tremas en mi. En malproksimo oni ekvidis bluajn montojn. La infano kuris en la korto. La suno rebrilas en la klara akvo. Mia amo restas ĉiam en la limoj de la infana devo. En la lingvo Esperanto ni vidas la estontan lingvon de la tuta mondo. En tiu propono kuŝas la solvo de la problemo. 2 / montranta la lokon, internen de kiu almoviĝas io aŭ iu. Iri en teatron. Meti ion en sian poŝon. La infano kuris en la korton. Ĵeti en sakon. Skribi en libron. La birdo flugas en la ĉambron. Sablero falis en mian okulon. Fali en kaptilon. 3 /montranta/ la tempon, dum kiu fariĝas ia ago. Mi parolos al vi en tempo pli oportuna. En la tago, kiam mi vidis ŝin, mi ŝin amis. En la venonta jaro mi vizitos Germanujon. En unu vespero mi ĉion verkis. En la daŭro de unu monato. En malbona vetero. 4 /montranta/ la staton, kiu karakterizas objekton, unu el la cirkonstancoj, inter kiuj fariĝas la ago. Danĝere estas lasi lin plu en tia libereco. La forto grandiĝas en premateco. Mi vagis en granda mizero. Ili venis en granda nombro /grandnombre/. Lernigu la manieron, en kiu oni devas vivi inter ĝentilaj personoj. Paroli en alia maniero. Kien vi iras en tia izoleco? En granda kolero. En konsento. En akompano kun iu. Mia pulso en takto batas. Malfermi la pordon en la plena larĝo. Li kuris malsupren en /per/ kelkaj saltoj. Vi manĝos vian panon en /ĉe/ la ŝvito de via frunto. En liaj okuloj /laŭ lia juĝmaniero, opinio/. Disflugiĝi kiel polvo en vento. Morti en turmentoj. En /je/ la nomo de... Ŝiaj haroj estis kunvolvitaj en /per/ pezaj plektoj. En longaj girlandoj pendis mirindaj kreskaĵoj. Puntoj kaj bantrozetoj kuniĝis en /laŭ/ mirinda bonordigita senordeco. 5 /montranta/ la finan staton de ŝanĝiĝinta objekto, la rezultaton de aliiĝo. Fendi ŝtipojn en du partojn. Li rompis la vazon en pecetojn. La fumo longiĝis en mirindajn fantomojn. Kunpremi la manon en pugnon. Traduki libron en alian lingvon. La lando estis dividita en naŭ provincojn. Miloj da voĉoj kunfandiĝis en grandegan harmonion. La glacio forgutis en brilajn larmojn. La milito kondukis multajn en mizeron. Lia malkaŝe/mec/o aliformiĝis en arogantecon.

II-e: memstara vorteto kun la senco 1. a 2. Ena = interna. Ene = interne. Enigi = penetrigi. Ŝi enigis la manojn en siajn densajn harojn. Eniĝi = penetri, enprofundiĝi. Kiam fratoj batalas, fremdulo ne eniĝu. La gazetoj ne trovas necesa eniĝi en tion, pri kio ili skribas.

/Daŭrigota/

# M E D I C I N A J   P A Ĝ O J

Vizito de D-ro Hideo Shinoda, prez. de UMEA en Bratislavo la 31-an 7.1970.

Prezidanto de Universala Medicina Esperanto-Asocio, direktoro de la Ĝenerala Malsanulejo Shinoda en Jamagata, Jap., alveturis kun sia edzino /reganta nur la japanan/ en Bratislavon, kie antaŭ la I-a Ginekologia Kliniko de Universitato de J.A.Komenio atendis lin la subskribinto kun D-ro Teodoro Kosinský, ĉefkuracisto psikiatria el Nitra. Ĉar la estro Prof.D-ro Svetozár Štefánik ĝus eklibertempis, akceptis nin lia anstataŭanto Doc. D-ro Bárdoš kun ĉiuj fakkuracistoj. Post tre koraj bonvenigo kaj interkonatiĝo D-ro Shinoda prezentis siajn operaciaĵajn rezultojn kiel ginekologo-kirurgo kaj onkologo. La statistikojn kaj klarigajn tekstojn sur la diapozitivoj tradukis D-ro Kosinský, dum mi la komentarion de la prelegento. Poste sekvis interesa interŝanĝo de spertoj kaj mencioj pri fakaj literaturaĵoj. Fine D-ro Shinoda enskribis sian nomon en la honorlibron.- Poste ni vizitis la Onkologian Instituton, kie nin akceptis Prof. D-ro Krebs kun sia faka kunlaborantaro. Ankaŭ ĉi tie la interparolo estis tre kora, kaj la du ĉefoj rememoris siajn profesorojn, kolegojn kaj ceterajn famajn operaciistojn-ginekologojn. Fine ni vizitis la unuopajn ĉambrojn de la operaciitaj malsanulinoj. Post la tagmanĝo en la Slovaka Restoracio /kun bratislavaj specialaĵoj, kiuj tre gustas al la gastoj/ ni iris al la bordo de Danubo, kie s-rino Shinoda metis florbukedon al la memorŝtono de la Soveta Danuba Floteto, kunliberiginta la ĉefurbon de Slovakio. Je la 16-a horo la gastoj reveturis Vienon per ĉs. Raketŝipo. /Dum por la veturo per taksio el Vieno ĝis nia ŝtatlimo ili pagis 1000 ŝilingojn, do 20 usonajn dolarojn, la ŝipveturo el Bratislavo al Vieno kostis ilin sume 60 Kčs./

La vizito de D-ro Shinoda estis tre grava kaj signifa ankaŭ por nia movado, ĉar antaŭ ĉio la fakkuracistoj en la du menciitaj institucioj aŭdis kun miro, ke la gasto - krom sia gepatra - iom parolas germane, pli bone angle, sed dum siaj longaj, por tiel diri mond-vojaĝoj li uzas Esperanton!

Krome ni priparolis ankaŭ la situacion de UMEA kaj la celecojn de nia plua pli intensa kunlaboro. La gasto evidente estis kontenta pri sia vizito ĉe ni, li skizis al ni siajn pluajn planojn, kiujn li prezentos al la jarkunveno de UMEA, kaj adiaŭis nin per aserto, ke li fidas al ni, kaj per peto, ke ankaŭ ni fidu al li, kaj ke ni ĉiuj fosu nian m e d i c i n a n sulkon.

Ludoviko Izák

--o--

Medicina Internacia Revuo /MIR/, /la redakcio konsistas el ĉefred. Prof. Masao Suzuki, Prof. D-ro Tomoo Nakayama, D-ro Hideo Shinoda kaj D-ro Satoshi Murayama. Ĝia eldonanto estas La 1-a Fiziologia Instituto, Medicina Fakultato, Tiba Universitato, TIBA, Jap./. MIR estas oficiala organo de UMEA. En sia ĉi-jara julia n-ro ĝi aperigis la 1-an /13-an/ numeron de la 4-a volumo.- La numero estas 20-paĝa, krom la kovrilo.

El la redakciaj vortoj ni sciiĝas, ke estis decidite, ke UMEA eksiĝu el ISAE kiel unu el ĝiaj societoj aŭ sekcioj, kaj ke la jarkotizo de UMEA ekde 1970 ne enteņas la individuan membrokotizon por ISAE.- Poste sekvas la salutvortoj de D-ro Hideo Shinoda, prez. de UMEA al la jarkunveno dum la 55-a UKE en Vieno. Interalie li mencias, ke nia organizaĵo estis fondita en 1908, do antaŭ 62 jaroj kiel Tutmonda Esperantista Kuracista Asocio /TEKA/, kaj en 1961 ĝi akceptis la nomon UMEA, elpreninte ankaŭ la ceterajn medicinajn laborantojn.

Sekvas fakaj artikoloj: Ĉu troa dozado de vitamino $B_1$ havas ian efikon, kun resumo, ke perbuŝa aplikado de 100 mg da vitamina $B_1$-derivaĵo bone ensorbebla, al tiuj homoj, kiuj ĉiutage ricevadas sufiĉe da vit. $B_1$, bremsis la postlaboran altiĝon de la niveloj de sanga piruvato kaj laktato, kaj ilian ekskrecion per la urino.- La recenzo de la broŝuro "Atombomba malsano" citas kelkajn alineojn laŭvorte, dum aliajn ĝi ellasas /kial? - rim. de L.S./. Tamen bone evidentiĝas la teruraj tujaj sekvoj de la atombomba eksplodo kaj la malfruaj efikoj de la atombomboj, ĵetitaj el la amerikaj aeroplanoj sur la urbojn Hiroŝima kaj Nagasaki.- La referatoj koncernas la interessferojn de du fakoj. En la ortopedia oni skizas la efikon de pelvitirado pro la t.n. enrakia obstrukco, kaj la spertojn pri orterapio ĉe kronika artika reŭmatismo.- La rubriko "Interna Medicino" enhavas resumojn de artikoloj en Journal de Médicine de Lyon el januaro 1970, kiujn ensendis D-ro A. Albaut, nome: Diabeto kaj gravedeco.- Pripensoj pri tuberkulina alergio, pruvanta, ke la tbc-kontaĝiado ankoraŭ ekzistas.- La subakuta sklerozanta panencefalito.-Hidroksiprolinurio ĉe ostaj afekcioj. - iz -

Ĉu k u n  aŭ  s e n  I. S. A. E. ?

/Rim. de la red. de E.S.: la antaŭa paĝo informis pri la decido de UMEA eksiĝi el ISAE. Kvankam ni ankoraŭ ne estas informitaj pri la jarkunveno de UMEA dum la 55-a UKE en Vieno, tamen - pere de nia prezidanto Paŭlo Rosa - ni ricevis la sciigon de Prof. D-ro B. Popovic, ĝen. sekretario de ISAE /Ognjena Price 80, BEOGRAD, Jug./, ke la finan solvon de la rilato inter UMEA kaj ISAE oni pritraktos dum la venontjara UKE en Londono. Tial ni aperigas la leteron, kiun li sendis al la komitatanoj de fakaj sekcioj de ISAE, la 21-an de junio 1970:

"Jam dum pluraj jaroj ISAE klopodas atingi tian staton, ke ĉiuj membroj de fakaj societoj /fakaj sekcioj/ de ISAE estu samtempe individuaj membroj de ISAE. Formale ĉiuj fakaj sekcioj konsentis tion, sed praktike la afero ne funkcias bone. Pro tio pluraj membroj de ISAE proponis reiri al la antaŭa stato - ekzistu nur individua membreco de ISAE /kio signifus nenian kontakton kun fakaj societoj/. Diskutinte iom la problemon, la jarkunveno de ISAE en Helsinki /1969/ decidis kunvoki la reprezentantojn de fakaj societoj-sekcioj de ISAE al aparta kunveno dum la 55-a UKE en Vieno. La ekira punkto por la ariĝo de fakaj societoj ĉirkaŭ /kaj en/ ISAE estas la fakto, ke la agadkampo de fakaj esperantistaj societoj kaj de ISAE estas ofte miksita / komprenenble oni pensas nur pri sciencaj fakoj - ne pri iuj aliaj!/. En la momento, kiam ekzistos societoj por pluraj fakoj, ISAE ne povus esti ĝenerala asocio por "aliaj" fakoj. Sed la stato ankoraŭ ne estas tia, nek baldaŭ estos tia! La nunaj fakaj societoj nur vivetas, la deziroj estas multe pli grandaj ol la eblecoj. Eĉ la kotizojn ili plej ofte ne povas kolekti. En tia stato oni ne povas disigi ISAE kaj lanĉi la fakan agadon. Tiom pli, ĉar ISAE jam prezentas veran asocion, kies 20 volumoj de Scienca Revuo /kaj transiro al 6 numeroj jare ekde la volumo 21/, aperadanta regule dum kelkaj lastaj jaroj, montras kaj pruvas la vivoforton de la Asocio. La delegita reto ebligas la financan funkciadon kun ĉiuj landoj. Eĉ kun landoj sen libera monŝanĝo oni iel /kvankam malfacile/ organizas la transpagadon.

Konscia pri ĉio tio, mi ankaŭ nun opinias, ke la plej bona organizformo estas proksimume la jena:

La membreco en ISAE estu plejparte identa kun la membreco en unu el la sekcioj de ISAE. La escepto estu nur: kiam la koncerna faka sekcio ankoraŭ ne ekzistas; kiam la abonanto interesiĝas nur pri sciencoj ĝenerale, aŭ iu amatoro por iu scienco tute ne interesiĝas pri aliaj sciencoj. En la unuaj du kazoj la membro /kaj abonanto de S.R./ estas nur membro de ISAE, ne apartenanta al iu ajn sekcio. En la tria kazo la membro de la sekcio ne estas individua membro de ISAE. Laŭ tio, konsiderante ankaŭ la fakton, ke ni havis ĉiam pli da sekcioj kun propra revuo/pro tio iuj el la membroj ne povas aboni kaj la fakan kaj ĝeneralan revuon/, kaj la fakton, ke ekzistas membroj apartenantaj al pluraj sekcioj - oni havos jenajn kategoriojn por la pagado de kotiz-abonoj:

1. kotizo al ISAE kun abono de S.R. kaj kotizo al sekcio/j/,
2. kotizo al ISAE /kun abono al SR/, sekcia kotizo kaj abono de la koncerna faka revuo /kiam ĝi ekzistas/,
3. nur la kotizo al ISAE, sekcia kotizo kaj abono de faka revuo,
4. nur la kotizo al ISAE kaj la sekcia kotizo /maloftaj esceptoj/.

Por realigi tian kotizkolektadon, oni devas nur plifortigi la ekzistantan delegitan reton de ISAE per volontuloj el la ĝisnunaj fakaj societoj, kaj tiam oni povos komune zorgi pri la pagoj kaj transpagoj. Nur forta delegita reto, kia estas nun en ISAE aŭ kia ĝi povas esti en la estonto, povas alkutimigi la membrojn fari ĉiujn pagojn /pagojn/ jarfine por la sekvanta jaro. La delegitoj informos pri tio la sekretariejon de ISAE kaj ĝi la sekciajn kasistojn. Fakte la sistemo ne funkcias tiel bone, ĝuste pro manko de tia ordo, kio komplikigadis la administradon kaj estis temporaba. Sed se la decido estos nia komuna kaj la klopodoj la samaj, ni atingos tian ordon, ke la esceptoj estos tre malmultaj, la delegitoj agados kun ankoraŭ pli da entuziasmo, kaj la membroj estos regule informataj pri ĉio /per Bulteno de ISAE pri pli ĝeneralaj aferoj kaj per fakkomitataj cirkuleroj pri specialaj kaj urĝaj aferoj/.

Ĉu jes aŭ ne? Mi atendas vian respondon!  Estime via B. Popovic

---

Tutmondaj medicinistoj! Por apogi la estraron de UMEA ni revigligu en ĉiuj landoj, eklaboru serioze kaj sisteme! Ni ekpreparu jam nun la sukcesan jarkunvenon en 71!

"Medicinaj Paĝoj" estas interna aldono de Esperantisto Slovaka n-ro 4/70 sub la redaktado de D-ro Ludoviko Izák, fakdel. de UEA por med. Adr.: Esperanto, p.f. 80, MARTIN, ĈSSR

D u  k a r a j  l e t e r o j , r i c e v i t a j  l a s t a m i n u t e !

Nia redakcio ĵus ricevis leterojn el Řevnice kaj el Hanojo. Jen la tekstoj:

"Okaze de la 26-a datreveno de la glora Slovaka Nacia Leviĝo bonvolu akcepti miajn ardajn amikajn gratulon kaj bondeziron. Mi petas Vin afable transdoni mian mesaĝon ankaŭ al Viaj karaj familianoj kaj kunlaborantoj en Esperantisto Slovaka.

Mi sincere kredas, ke en la signo de la historiaj heroaĵoj de la slovakaj partizanoj kaj de la tuta brava slovaka popolo, faritaj en la jaro 1944, ankaŭ ni esperantistoj kaj pacdefendantoj en Via kaj nia Respublikoj ĉiam marŝos en la unuaj vicoj de tiuj, kiuj batalas por la firma unueco de nia amata socialisma patrujo kaj por la tutmondaj paco kaj amikeco.

En tiu ĉi spirito mi ankoraŭfoje varme salutas Vin, dezirante al Vi fortikan sanon, kaj amike premas viajn manojn

Via Tomáš Balda, ŘEVNICE 416 - Praha západ."

---

Al la redakcio de Esperantisto Slovaka, MARTIN, Slovaka Socialisma Respubliko:

"Tre karaj gefratoj en Ĉeĥoslovakio,

el batalanta Vietnamio mi sendas al vi miajn plej varmajn bondezirojn okaze de via nacia festo. Al la ĉeĥoslovaka frata popolo, al geesperantistoj en la Slovaka, Ĉeĥa respublikoj: multajn sukcesojn, sanon, feliĉon kaj daŭran pacon!

Kun granda ĝojo mi ricevis viajn legaĵojn de mia amiko, kolego en Brno, do mi emas skribi al vi gratule kaj certe provizonte novaĵojn de nia movado por tiu ĉi gazeto. Ni kredu Esperante, ke niaj rilatoj estos bonaj, daŭraj, regulaj. Esperantiston Slovakan mi tute ne posedis, nur 3 ekzemplerojn de 1968 kaj 1969.

Tre karaj gekamaradoj! Hodiaŭ mi sendas al vi per bona bulteno informon pri nia E-jarkunveno. Kun eterna amikeco de niaj popoloj mi sincere, varme salutas vin,

kore via NGUYÊN ĐO KHAN, Vietnam DR HANOI

Ať žije nerozborné přátelství vietnamského a československého lidu!

Fariĝis ĉe ni en Hanojo jam tradicio, ĉiun printempon organizi E-kunvenon kaj renkontiĝon. E-klubo en Hanojo uzas nun belan klubejon en Trang Thi-strato n-ro 65 /la ĉefa strato de nia ĉefurbo/.

Raporto pri la jarkunveno.

La salono estis plenplena. Alvenis multaj geesperantistoj el Hanojo kaj aliaj urboj, granda nombro da amikoj de Esperanto, inter ili la ministro de kulturo Hoàng Minh Giám kaj la viceministro Nguyên Van Huyênkaj ministro de Hô Trúc, ministro de trafiko kaj transporto Fan Trong Tuê, prezidanto de kulturaj rilatoj kun eksterlando Pham Ngoc Thuân; direktoroj kaj insitutestroj de diversaj fakoj, oficejoj, asocioj kaj Vietnamia Informa Agentejo, de radio, gazetaro ktp.

La kunveno estis malfermita per enkonduka parolado de Đ/C Minh Kính, prezidanto de la hanoja E-klubo. Pli ol 100 ĉeestantoj kun granda intereso aŭskultis la riĉenhavan gravan raporton de nia poeto Đào Anh Kha, generala sekretario de Vietnamia Pacdefenda Esperanto-Asocio, pri 4 jaroj de batalo kontraŭ la Usona agreso, por nacia savo.- Sekvis nia konata esperantisto Nguyên Van Kính, centra-komitatano de Partio Laborula, prezidanto de nia Esperanto-Asocio, kiu post bonvenigo kondukis la kunvenintojn al la konstanta ekspozicio. Oni vidis fotojn, pri agadoj de eksterlandaj geesperantistoj por subtenado al Vietnamio; telegramojn, kondolencajn leterojn de E-asocioj kaj organizaĵoj, de individuaj esp-istoj el la tuta mondo pri la forpaso de nia bedaŭregata prezidanto Hô Chi Minh, multajn eltranĉaĵojn el nacilingvaj gazetoj, libroj, elesperantigitaj per niaj E-presaĵoj.

Dum la paŭzo nia kamarado N.M.Tung, vicprezidanto de Hanoja E-klubo, invitis la gastojn trinki teon, manĝi bananojn, sukeraĵojn.

K-doj Pham Ngoc Thuân, prezidanto de la Komitato por Kulturaj Rilatoj kun Eksterlando, kaj Hô Trúc, viceministro de Klerigado dankis al la Vietnamia Pacdefenda E-Asocio, al ĉiuj geesperantistoj, pro ilia bonega kunlaboro ĉe eldonado kaj interrilatoj kun pli ol 80 landoj.- Grandan intereson vekis ankaŭ la arta programo de la vespero. Ĉiuj ĉeestantoj estis kontentaj pri la bona arango de la E-a Printempa Renkontiĝo kaj foriris kun bonaj impresoj. Tio estas bona promeso por la Printempo 1971. Ni bonvenige atendas ankaŭ niajn novajn gastojn, amikojn el eksterlando, kiujn ni invitas por viziti niajn landon kaj klubejon. NO DO KHANS - VIETNAM!

/La red. de ES pardonpetas pro la erara indiko de la funkcio de k-do Hô Trúc!/

Renkontiĝo de finlernintoj de Somera Esperanto-Lernejo en Dudince, 12-13.9.70.

Ĉiuj finlernintoj de la ĉi-jara SEL en Dudince estas kore invitataj partopreni la renkontiĝon sabate la 12-an kaj dimanĉe la 13-an de septembro ĉi-jara. Anoncu viajn partoprenon kaj alvenon tuj al s-ano Ernesto Váňa, Dudince, okres Zvolen! Ĝis!!!

Invito al la 2-a ĉi-jara renkontiĝo de esp-istoj, MARTIN, la 10.10.70 /sabate/!

Precize je la 9-a matene, sabaton la 10-an de oktobro ĉi-jara, komenciĝos la 2-a renkontiĝo de esperantistoj, en la Spegula halo de Kulturdomo de RSM de Maŝinfabrikoj de Turiec en Martin /eniro de la ĉefa strato, Ulica Osloboditeľov, I-a etaĝo, tra la enirejo de la Ŝtata Vetejo - Sazka, športka/. Aŭtobusa haltejo tuŝapude.

La programo konsistos el I. serioza, kaj II. distra partoj. La I-a estos dediĉita al la gravaj ĉi-jaraj datrevenoj, precipe al la 50-a jubileo de Komunista Partio de Ĉeĥoslovakio /parolos k-do Milan Lezo, sekretario de la Distrikta Komitato de Komunista Partio de Slovakio, poste sekvos s. Aŭg. Čambál pri Esperanto kaj nuntempo; D-ro Ed. Sahliger klariĝos al ni, kiel lerni Esperanton. La distran parton prizorgos ĉefe la martina esperantista junularo. Fine ni kontentiĝos ankaŭ la dancemulojn!/

Posttagmeze oni povos viziti la bildgalerion de Nacia Artisto kaj esperantisto Martin Benka aŭ la Slovakan Nacian Muzeon /Folklora Sekcio/ aŭ la tombon de nia poeto kaj muzikkomponisto Ján Valašťan Dolinský en la Nacia Tombejo.

Keď nám poukazujete príspevok na Esperantisto Slovaka, na píšte nám vždy zreteľne svoje meno i adresu a nezabudnite vyznačiť o k r e s ! Dbajte, aby ste najmä číslo domu neprepísali za čiaru /zvislú/ do vedľajšej časti, lebo ho potom odstrihnú! Nepíšte nám d v e adresy /bydliska a pracoviska/, ale vždy len adresu trvalého bydliska! Nové číslo si prečítajte hneď, lebo keď ho odložíte na neskorší čas, ľahko sa zapotroší a nám spôsobíte škodu, najmä keď reklamujete dávnejšie vyšlé čísla. Preto reklamácie budeme prijímať len do vyjdenia nasledujúceho! Dobrovoľný príspevok na našu réžiu je najmenej Kčs 15.- /prosíme, neposielajte menej/! Nadplatky prijímame s vďakou, lebo umožňujú vyrovnať našu bilanciu. Nedostávame subvenciu! Vďaka za pochopenie!




E S P E R A N T O
poŝtfako 80 Boîte postale
MARTIN, ĈSSR-Slov. Soc. Resp.

S-ro

Jan Zawada

~~ul. Bruzdowska 6 m 48~~

Nowickiego 3 m 20,
Warszawa 21

Pollando




I M P R I M É S

Otvorená listová zásielka !

"Esperantisto Slovaka", nepravid. bulletin, vydáva Dom kultúry ROH Turč. strojární v Martine pre Slov. esperant. ústav pri Esp. klube /preds. Aug. Čambál/. Rediguje: MUDr. Ľudovít Izák, rubriku O.I. vedie Ed. V. Tvarožek, Vegetarismo Arnošt Váňa.- Registr.: KNV B. Bystrica K-593/68 Or. - ODO Martin 318/70